8ª Jaro Januaro 1911 Nº 85ª

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo
de la
Internacia **SCIENCA ASOCIO** Esperantista



## ENHAVO

**Raporto.** — *Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj, starigita de la Teknika Komisio de la Scienca Asocio,*
de **Rollet de l'Isle**, Paris (Franc.).

**Korespondado.** *Pri kalendara reformo,*
de Pro Dro W. Köppen, Hamburg (Germ.).
(*Pri la logika bazo de vortfarado en Esperanto,*
de Antido).

**Informoj.**



1911

**H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)**
*(elparolu : talvicer, keĉenbroda)*

*BRITUJO.* « Brita Esperantista Asocio » (Museum station Buildings, 133-6 High Holborn), London W. C. — *DANUJO.* A.-F. Höst & Son, Kjöbenhavn. — *FRANCUJO.* G. Warnier & Cie, (15, rue Montmartre) Paris. — *HISPANUJO.* J. Espasa, Barcelona. — *HUNGARUJO.* Lajos, Kokai (IV karoly-ucta, 1), Budapest. — *ITALUJO.* Raffaello Giusti, Livorno. — *JAPANUJO.* M. Hikosaka, 33, Abekawamachi, Asakusa, Tokio. — *RUSUJO.* Librejo « Esperanto », (Tverskaja, 28) Moskva. — *RUSA POLUJO.* M. Arct. Varsovio
*TURKUJO,* J. Guéron (Lernejo : *Alliance Israélite*), Aïdin.

**Jara abono :** 2 ₷ 750 s. — **Unu numero :** 250 s.
Ni akceptas & rekomendas pagojn per la Ĉekbanko Esperantista, London S. W.

# Por la ORFOJ

EN

## BOULOGNE-SUR-MER (Francujo)

nia unua kongres-urbo, ni nur ricevis el nia legantaro ĝisnun la sumeton da ₷ 7,500. Ni ree petas *kompatemajn donacojn*. La liston ni aperigos en la plej proksima numero, esperante, ke ni povu represigi *multe pli grandajn rezultojn !*

INTERNACIA SCIENCA REVUO.

# Internacia Scienca Revuo

Oficiala Monata Organo
de la
Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

Eldonata kun alta patronado de : *Doktoro* L. L. ZAMENHOF, aŭtoro de la lingvo *Esperanto*; FRANCA SOCIETO ASTRONOMIA ; FRANCA SOCIETO DE FIZIKO ; INTERNACIA SOCIETO DE ELEKTRISTOJ ; *Profesoroj* : † ADELSKÖLD, APPELL, D'ARSONVAL, BAUDOIN DE COURTENAY, †BECQUEREL, †BERTHELOT, Princo Rolando BONAPARTE, BOUCHARD, DESLANDRES, FLOURNOY, FÖRSTER, HALLER, † William JAMES, MOURLON, Henriko POINCARÉ, Generalo SEBERT J. J. THOMSON & diverslandaj scienculoj.

---

## 8a Jaro — 1911

---



H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.)
*(elparolu : talvicer, keĉenbroda)*

PRESEJO A. KÜNDIG
ĜENEVO-SVISLANDO

8ª Jaro Januaro 1911 Nº 85ª

# Internacia Scienca Revuo

OFICIALA MONATA ORGANO

DE LA

Internacia SCIENCA ASOCIO Esperantista

*Direktoro :* Dro René de SAUSSURE

*Ĉef-Redaktoro :* Dro Fr. THALWITZER

Eldonejo : H. F. Adolf Thalwitzer, Kötzschenbroda-Dresden (Germ.).

*Manuskriptojn, gazetojn, librojn & interŝanĝojn, oni sendu al « Internacia Scienca Revuo », Kötzschenbroda-Dresden (German.).*

## RAPORTO

**starigita de la Scienca kaj Teknika Komisio de la Scienca Asocio Esperantista.**

## Konsilaro por la farado de la sciencaj kaj teknikaj vortoj.

*(sekvo)*

### IV. — Serĉado de la solvo per simpla vorto.

1. — Serĉado de la solvo en la nacilingvaj tradukoj.

1ᵉ *Difino de la internacieco.*

Ni diris ke, kiam oni ne sukcesis trovi, por esprimi la ideon, taŭgan kunmetitan vorton, oni devas elpensi novan vorton, kiu estas plej internacia, t. e. kiu similas al la plimulto de la nacilingvaj esprimoj de la sama ideo.

Estas necesa iom klarigi kion signifas tiu kondiĉo. Oni povas diri ke preskaŭ neniu vorto estas tute internacia, t. e. estas sammaniere skribata kiel prononcata en ĉiuj lingvoj, el kiuj devenas Esperanto. Sekve, oni devos laŭokaze — ĉar oni ne povas teorie kontentigi tiun kondiĉon — pli atenti jen iun el la naciaj lingvoj, jen la grafikan aŭ la fonetikan internaciecon. Ni tuj donos kelkajn konsilojn pri tiu temo.

2ᵉ *Naciaj lingvoj konsiderotaj.*

En la sciencaj fakoj — kaj sekve en la scienca parto de la teknikaj fakoj — ni povos ĉefe atenti pri la angla, franca, germana kaj itala lingvoj, ĉar tiuj lingvoj estas preskaŭ ĉiam alprenataj kiel oficialaj lingvoj en la Internaciaj Kongresoj, kaj ĉiuj scienculoj de la aliaj nacioj konas la teknikajn esprimojn en almenaŭ unu el tiuj lingvoj.

Sed en tiu scienca fako, oni ankaŭ devos ĉiam serĉi, ĉu ne ekzistas latina esprimo de la ideo, kaj la latina lingvo devos esti konsiderata kiel la ĉefa lingvo, pri kiu oni devas atenti; efektive ĝi dum longa tempo ludis — kiel oni scias — en la sciencaj fakoj, la rolon, kiun Esperanto celas ludi nuntempe, kaj la latina esprimo, se ĝi ekzistas, estas plej ofte, la naskanto de la naciaj esprimoj.

En la praktikaj fakoj, aŭ en la praktika parto de la teknikaj fakoj, la plej bona maniero ricevi taŭgan internacieecon, estas atenti pri la naciaj lingvoj de la landoj en kiuj tiu metio estas ĉefe praktikata : (*Ekz. : por la marista fako, oni prefere atentos pri la lingvoj de la nacioj, kiuj havas gravan maristaron*). Eĉ okazas ke, en ia fako, la vortoj de la nacia lingvo jam penetris en la aliajn lingvojn kaj tiamaniere fariĝis internaciaj : oni sekve devos preferi ilin, en okazo de duba internacieco; tiu ĉefa lingvo ludas en tiu kazo, la rolon, kiun ludas la latina lingvo en la antaŭa : (*Ekz. : en la marista fako, multaj anglaj vortoj estas internaciaj; same estas pri la francaj vortoj en la militista fako, kaj ankaŭ pri la italaj vortoj en la muziko*).

3^e *Grafika kaj fonetika internacieco*j.

En la sciencaj fakoj, la vortoj estos plej ofte skribataj kaj la sciencistoj kutimas precipe legi aŭ skribi ilin; oni sekve devos pli atenti la grafikan ol la fonetikan internacieecon, kiam oni ne povas kontentigi samtempe ambaŭ : (*Ekz. : Oni elektos* aberacio *por signifi la francan, anglan kaj germanan esprimon* aberration, *kvankam la pronunco de tiu vorto ne estas la sama en tiuj tri naciaj lingvoj*).

Kontraŭe, la vortoj de la metiaj aŭ praktikaj fakoj devenas ofte de la popola pronunco, kaj estos plej ofte pronuncataj : oni do devos atenti pri la fonetika internacieco de tiuj vortoj kaj precipe pri la pozicio de la akcento : (*Ekz. : Por traduki* F : jetée; A : jetty; I : gettata, *la esperanta vorto* ĝeteo *estas preferinda al* ĝeto, *ĉar la akcento estas internacie sur la lasta silabo*).

4^e *Nerekta internacieco.*

Oni devos atenti ke ekzistas kelkafoje, en la naciaj lingvoj, radikoj, kiujn oni trovas nur en kunmetataj vortoj kaj pli malpli malsimilas tiujn de la vortoj, kiuj esprimas la saman ideon. La grafika aŭ fonetika internacieco povas esti sufiĉe kontentigataj per la alpreno de esperanta vorto simila al tia speciala radiko, ĉar la nacianoj jam konas tiujn radikojn. Tio povas, en kelkaj okazoj, tre faciligi la elekton de la solvo : (*Ekz. :* okulo *estas esperanta vorto facile komprenebla de la Francoj, kvankam la franca vorto estas* œil, *ĉar oni trovas tiun radikon en la francaj kunmetitaj vortoj* oculiste, oculaire, k.t.p.).

(En la tabeloj kiuj postvenas, oni metis inter krampoj, la vortojn en kiuj troviĝas tiuj specialaj radikoj).

5e *Neinternacieco.*

Se ne ekzistas simpla radiko, kiu kontentigas la perfektan internaciecon, kiun ni difinis, oni povas ankaŭ trovi solvon kiu estas, en kelkaj okazoj, akceptebla, elektante unu el la nacilingvaj esprimoj de la ideo. Ni ekzamenu laŭ kiaj ideoj oni devas fari tiun elekton.

*a)* Dro Zamenhof en la Fundamenta Vortaro faris tion; sed por gvidi sin, li havis, inter aliaj, la penson doni al ĉiuj naciaj lingvoj kompareblajn partoprenojn en tiu vortaro (eĉ tiu penso eble alkondukis lin iom ŝanĝi internaciajn formojn por plisimiligi ilin al iu nacilingva vorto). Bedaŭrinde ni ne facile povas tion fari, ĉar ni ne povas konsideri samtempe la tutan teknikan lingvon.

*b)* Tamen, kiel ni jam diris, ni povas doni pli grandan gravecon al la lingvo, kiun ni nomis ĉefa, kaj preferi la vorton de tiu lingvo, se ne ekzistas internacia vorto.

*c)* La dua ideo, kiu povas gvidi, estas la pli malpli facileco de la esperantigo de la naciaj vortoj. Ni tuj donos ekzemplojn de tiu esperantigo, kaj oni povos konstati kiom, kelkafoje, estas malfacila esperantigi naciajn vortojn, t. e. fari esperantajn vortojn, kiuj sufiĉe similas ilin, kaj tamen estas facile prononceblaj por ĉiuj nacianoj. *En tiu okazo oni devas zorge atenti ne elekti la vorton de sia propra nacia lingvo (ĉar ĝi ĝenerale ŝajnas pli facile prononcebla kaj pli komprenebla ol la aliaj), se oni ne havas sufiĉe bonajn motivojn.*

*d)* Dro Zamenhof uzis ankaŭ du aliajn metodojn sed ili necesigas grandan atenton kaj konon de la lingvo al kiu apartenas la vorto. La unua konsistas traduki laŭvorte ian nacilingvan kunmetitan vorton, kiam tia vorto ekzistas en la nacilingvaj tradukoj de la ideo. Ni vidos ke tiu metodo estas kelkafoje danĝera : tamen estas nedubebla ke tiamaniere oni formas vorton, kiun la nacianoj parolantaj la lingvon al kiu ĝi apartenas, komprenas kiel simplan vorton, kaj kiun la alinacianoj lernas pli facile ol la aliaj simplaj vortoj. (*Ekz.* : elvaporigo *estus alprenebla por la traduko de la franca vorto* évaporation ; — elĉerpi *por la traduko de la franca vorto* épuiser ; — elrigardi *por la traduko de la germana vorto* aussehen, *kondiĉe ke nenia pli taŭga solvo ekzistas).*

*e)* La dua solvo konsistas formi simplan vorton, riprezentante per la esperanta alfabeto la nacian prononcon de la elektata vorto : (*Ekz. :* parkere, *riprezento de la franca vorto* par cœur ; perlamoto, *de la germana* Perlmutter ; interviuo *de la angla* interview).

6e *Esperantigo de la nacilingvaj vortoj.*

Ĉar la esperanta alfabeto ne tute similas la latinan, la esperantigo de la nacilingvaj vortoj postulas farmanieron, kiun oni devas koni, se oni deziras doni al la novaj vortoj, formon kiu bone konformiĝas al la spirito de la lingvo. Por koni tiun farmanieron, la plej bona metodo estas studi la

ekzemplojn donitajn de la komuna vortaro jam ekzistanta, kaj precipe de tiu de la Fundamento, kiu farita de la aŭtoro mem de la lingvo, montros la ĉefajn ideojn, kiuj gvidis lin.

Ni do provos tion fari, studante sisteme la transformadon de la literoj, silaboj kaj finaĵoj de la nacilingvaj vortoj; kaj fine la transformadon de tiuj vortoj mem en kelkaj specialaj kazoj.

Ni ordigis la ekzemplojn laŭ la alfabeta ordo de la franca lingvo, kiu preskaŭ similas tiun de la latina, kaj ni donas samtempe la tradukojn en la latina, angla, germana kaj itala lingvoj. Estos pli oportuna por la verkistoj de tiuj lastaj naciecoj, ordigi la verkon laŭ la alfabeta ordo de ilia nacia lingvo : ni lasos ilin tion fari (se ili opinias ke tiu verko estas utila), kaj samtempe kompletigi ĝin, aldonante la ekzemplojn, kiuj rilatas al la punktoj de ilia lingvo, kiuj ne troviĝas en ĝi.

Preskaŭ ĉiuj tiuj ekzemploj estas eltiritaj el la verko de S^ro^ Bastien, titolita : *Naŭlingva etimologia leksikono*, aŭ el tiu de S^ro^ Boulet, titolita : *Du mil novaj vortoj*. La ordo de la nacilingvaj tradukoj en la tabeloj estas : latina, franca, angla, germana, itala kaj esperanta; la vortoj kiuj mankas, estas anstataŭitaj per la signo —»—.

## A. — *Pri literoj.*

Ĉar la esperanta alfabeto ne entenas ĉiujn latinajn literojn, oni devas anstataŭi kelkajn el ili per alia litero aŭ per kuniĝo de literoj de tiu alfabeto, donantaj la saman sonon : en tiu okazo, la grafika internacieco ne estas konservata.

*a)* Mankas al la esperanta alfabeto la literoj : q, x, kaj y; al kiuj oni povas aldoni la literon w, kiu nun estas internacie uzata.

Pri la litero q. — Tiu litero estas nomata *kvo*. En la naciaj eŭropaj lingvoj, oni ne trovas ĝin sen la litero *u* : la silabo *qu* estas riprezentata en Esperanto per *kv* aŭ *k*; ĝenerale oni elektas la sonon, kiun ĝi havas en la lingvo el kiu devenas la elektita radiko.

—»— quartz, — quartz, — Quarz, — quarzo, — kvarco
aqua, — (aquarium), — (aquarium), — (Aquarium), — acqua, — akvo
—»— barque, — barke, — Bark, — —»— barko

Pri la litero x. — Tiu litero estas nomata *kso*; oni anstataŭas ĝin laŭ diversaj manieroj :

explodere, — exploser, — explode, — explodieren, — esplodere, — eksplodi
explorare, — explorer, — explore, — explorieren, — esplorare, — esplori
exercere, — exercer, — exercise, — exerzieren, — esercitare, — ekzerci

expertus, — expert, — expert, — expert, — esperto, — sperta
perdix, — perdrix, — partridge, — —»— pernice, — perdriko
(falx), — (faulx), — (falchon), — —»— falciare, — falĉi
—»— pharynx, — pharynx, — —»— faringe, — faringo
pax, — paix, — peace, — (pazifizieren), — pace, — paco
rex, — (régner), — (regal), — (regieren), — re, — reĝo
dux, — duc, — duke, — —»— duca, — duko

Kiel oni vidas, oni devas traduki *x* per *kz* kiam ĝi troviĝas inter du vokaloj; en la aliaj okazoj, ŝajnas pli bona traduki ĝin per *s* anstataŭ *ks*, por eviti eblan similecon kun la prefikso *eks*, kiel aliparte faris ofte D^ro Zamenhof mem.

Pri la litero y. — Tiu litero estas nomata *i greka;* oni anstataŭas ĝin per *j* aŭ *i*.
—»— crayon, — crayon, —»— —»— krajono
lyra, — lyre, — lyre, — Lyra, — lira, — liro.

Pri la litero w. — Tiu litero estas nomata *duobla vo;* en la komenco de la vortoj oni ĉiam ĝis nun anstataŭis ĝin per *v*. Tamen ŝajnas ankaŭ utila enkonduki tiun literon — kiu estus prononcata kiel *ŭ* —, por konservi al kelkaj vortoj la fizionomion de la anglaj vortoj, el kiuj ili devenas, kaj ĉar la enkonduko de vortoj komencantaj per la litero ŭ, sekvata per vokalo, ne ŝajnas dezirinda.
—»— —»— winter, — Winter, —»— vintro
—»— —»— watch, — Wache, —»— waĉo
—»— ouest, — west, — West, — oeste, — westo.

*b)* Kontraŭe la esperanta alfabeto entenas literojn, kiuj ne ekzistas en la latina alfabeto kaj kiuj havas specialan rolon; ni donas tie ĉi sube ekzemplojn de kelkaj okazoj en kiuj oni uzas ilin. (Ni aldonas ekzemplojn rilatajn al la literoj *c*, *g* kaj *u*, kiuj ne havas saman sonon en Esperanto kiel en kelkaj naciaj lingvoj).

Pri la litero c. — Cœmentum, — ciment, — cement, — Zement, — cemento, — cemento
—»— danser, — dance, — (tanzen), — danzare, — danci
—»— chiffre, — cipher, — Ziffer, — cifra, — cifero.

Pri la litero ĉ. — —»— charlatan, — charlatan, — Scharlatan, — ciarlatano, — ĉarlatano
capitulum, — chapitre, — chapter, — Kapitel, — capitolo, — ĉapitro
cerasum, — cerise, — cherry, — Kirsche, — ciliegia, — ĉerizo

Pri la litero ĝ. — —»— bourgeois, — burgess, — Bürger, — borghese, — burĝo
—»— fourrage, — forage, — Fourage, — foraggio, — furaĝo
—»— (joie), — (joy), — (jovial), — gioire, — ĝoji
justus, — juste, — just, — (just), — giusto, — ĝusta.
Pri la litero g. — Genu, — genou, —»— —»— ginocchio, — genuo
gypsus, — gypse, — gypsum, — Gips, — gesso, — gipso.
Pri la litero ĥ. — Chorus, — chœur, — choir, — Chor, — coro, — ĥoro
mechanica, — mécanique, — mechanics, — Mechanik, — meccanica, — meĥaniko
—»— paroisse, — (parochial), — Parochie, — parrocchia, — paroĥo.
Pri la litero ĵ. — Jactare,—jeter,— (deject),— (Injektion),—gettare,—ĵeti.
Pri la litero ŝ. — —»— bouche, —»— —»— bocca, — buŝo
—»— échafaud, — scaffold, — Schaffot, —»— eŝafodo
—»— galoche, — galosh, — Galosche, — galoscia, — galoŝo
pulsare, — pousser, — push, — (Impuls), — —»— puŝi.
Pri la litero u. — Urna, — urne, — urn, — Urne, — urna, — urno
urtica, — ortie, —»— —»— ortica, — urtiko
uncia, — once, — ounce, — Unze, — oncia, — unco
alnus, — aune, — —»— —»— auna, ulno
—»— ouragan, — hurricane, — Orkan, — uragano, — uragano
(placere), — plaisir, — pleasure, — (Plaisanterie), — piacere, — plezuro.

*c)* Kelkafoje en iu, eĉ internacia, radiko oni ŝanĝas literon por ebligi la formadon de du esperantaj vortoj devenantaj de ĝi, kaj havantaj malsimilajn signifojn ; jen kelkaj ekzemploj de tiu farmaniero :

fundere, — fondre, — (foundry), — —»— fondere, — fandi
fundare, — fonder, — found, — (Fundation), — fondare, — fondi
fundus, — fond, — foundation, — —»— fondo, — fundo

littera, — lettre, — letter, — Litera, — lettera, — litero
litterae, — lettre, — letter, — —»— lettera, — letero

pensare, — peser, — —»— —»— pesare. — pesi
pensare, — peser, — —»— —»— pesare, — pezi

justus, — juste, — just, — (just), — giusto, — ĝusta
justus, — just, — just, — —»— giusto, — justa
—»— (justement), — just, — —»— —»— ĵus

*d)* En la sama celo, oni aldonas iafoje literon aŭ eĉ silabon :

nobilis, — noble, — nobleman, — —»— nobile, — nobelo
nobilis, — noble, — noble, — nobel, — nobile, — nobla

ordo, — ordre, — order, — Ordnung, — ordine, — ordo
ordo, — ordre, — (order), — Orden, — ordine, — ordeno
—»— ordonner, — order, — (Order), — ordinare, — ordoni

—»— table, — —»— —»— tavola, — tabelo
—»— table, — table, — Tabelle, — tavola, — tablo
tabula, — tableau, — (tabular), — (Tabulat), — tavola, — tabulo.

B. — *Pri silaboj kaj kunigoj de du literoj.*

Kelkaj nacilingvaj sonoj ne estas riprezenteblaj per la samaj literoj en Esperanto kiel en la naciaj lingvoj ; estus bona ke en ĉiuj okazoj oni uzu la saman manieron por riprezenti tiujn sonojn : la sekvantaj ekzemploj eble helpos atingi tiun celon.

| | |
|---|---|
| ai | septimana, — semaine, — —»— —»— settimana, — semajno |
| | —»— portrait, — portrait — Porträt, — ritratto, — portreto |
| | aquila, — aigle, — eagle, — —»— aquila, — aglo |
| au | applaudere, — applaudir, — applaud, — applaudieren, applaudere, — aplaŭdi |
| | eleemosyna, — aumône, — alms, — Almosen, — elemosina, — almozo |
| | (salvus), — sauver, — save, — salvieren, — salvare, — salvi |
| cc | acceptare, — accepter, — accept, — acceptieren, — accettare, — akcepti |
| | —»— accompagner, — accompany, — accompagnieren, — accompagnare, — akompani |
| ct | —»— aspect, — aspect, — —»— aspetto, — aspekto |
| cu | —»— biscuit, — biscuit, — Biskuit, — biscotto, — biskvito |
| ei | balœna, — baleine, — (balen), — —»— balena, — baleno |
| | vena, — veine, — vein, — Vene, — vena, — vejno |

| | |
|---|---|
| | (consilium), — conseiller, — (counsel), — (Consilium), — consigliare, — konsili |
| eu | —»— lieutenant, — lieutenant, — Lieutenant, — luogotenante, — leŭtenanto |
| | plorare, — pleurer, — (deplore), — (Implorant), — plorare, — plori |
| | —»— adieu, — adieu, — Adieu, — addio, — adiaŭ |
| euil | solum, — seuil, — sill, — (Sohle), — soglia, — sojlo |
| es | spiritus, — esprit, — spirit, — (Spiritualist), — spirito, — spirito |
| gu | —»— astrologue, — astrologer, — Astrolog, — astrologo, — astrologo |
| | lingua, — langue, — language, — (Linguistik), — lingua, — lingvo |
| gn | assignare, — assigner, — assign, — assignieren, — assegnare, — asigni |
| | pinna, — pignon, — —»— Pinie, — pignone, — pinio |
| | —»— accompagner, — accompany, — accompagnieren, — accompagnare, — akompani |
| | —»— monseigneur, — (seigniory), — —»— signore, — sinjoro |
| ill | —»— battailler, — battle, — (Bataille), — battagliare, batali |
| | —»— briller, — (brilliant), — (Brille), — brillare, — brili |
| | —»— bouillon, — —»— Bouillon, — —»— buljono |
| | papilio, — papillon, — —»— —»— —»— papilio |
| | —»— tailleur, — tailor, — —»— (tagliare), — tajloro |
| | —»— faille, — —»— —»— —»— fajo |
| œu | —»— manœuvrer, — (manœuvre), — manövrieren, — manovrare, — manovri |
| oi | feria, — foire, — fair, — (Fierant), — fiera, — foiro |
| | velum, — voile, — —»— —»— vela, — velo |
| | fenum, — foin, — —»— —»— fieno, — fojno |
| | tela, — toile, — —»— —»— tela, tolo |
| | —»— toilette, — toilet, — (Toilette), — teletta, — tualeto |
| | pirum, — poire, — pear, — Birne, — pera, — piro |
| | crux, — croix, — cross, — Kreuz, — croce, — kruco |
| om | —»— triomphe, — triumph, — Triumph, — trionfo, triumfo |
| on | promontorium, — promontoire, — promontory, — —»— promontorio, — promontoro |

| | |
|---|---|
| | hirundo, — hirondelle, — —»— —»— rondine, — hirundo |
| ou | —»— bourse, — bourse, — Börse, — borsa, — borso |
| | —»— ouragan, — hurricane, — Orkan, — uragano, — uragano |
| pt | baptizare, — baptiser, — baptise, — (Baptismus), — battezzare, — bapti |
| sc | sceptrum, — sceptre, — sceptre, — Scepter, — scettro, — scettro |
| scl | musculus, — muscle, — muscle, — Muskel, — muscolo, — muskolo |

La duobligitaj literoj, krom la literoj cc (vidu supre) estas anstataŭataj de simpla litero :

| | |
|---|---|
| dd | —»— addition, — addition, — Addition, — addizione, — adicio |
| ff | affabilis, — affable, — affable, — —»— affabile, — afabla |
| ll | alludere, — (allusion), — allude, — (Allusion), — alludere, — aludi |

Post la vokalo *i*, tiuj literoj *ll* estas anstataŭataj alimaniere (vidu supre).

| | |
|---|---|
| mm | pomun, — pomme, — —»— —»— pomo, — pomo |
| nn | annuntiare, — annoncer, — announce, — annoncieren, annunziare, — anonci |
| pp | applaudere, — applaudir, — applaud, — applaudieren, applaudire, — aplaŭdi |
| rr | arrogans, — arrogant, — arrogant, — arrogant, — arrogante, — aroganta |
| ss | assignare, — assigner, — assign, — assignieren, — assegnare, — asigni |
| tt | attendere, — attendre, — attend, — —»— attendere, atendi |

C. — *Pri la finaĵoj.*

| | |
|---|---|
| able | —»— agréable, — agreeable, — —»— aggradevole, — agrabla |
| ace | sagax, — sagace, — sagacious, — —»— sagace, — sagaca |
| age | cartilago, — cartilage, — cartilage, — —»— cartilagine, — kartilago |
| ail | —»— émail, — enamel, — Email, — smalto, — emajlo |
| aille | —»— canaille, — —»— Canaille, — canaglia, — kanajlo |
| ain | vanus, — vain, — vain, — —»— vano, — vana |

| | |
|---|---|
| aine | capitaneus, — capitaine, — captain, — Kapitän, — capitano, — kapitano |
| aire | notarius, — notaire, — notary, — Notar, — notaro, — notario |
| | ordinarius, — ordinaire, — ordinary, — ordinär, — ordinario, — ordinara |
| | distrahere, — distraire, — distract, — —»— distrarre, distri |
| | exemplar, — exemplaire, — (exemplify), — Exemplar, esemplare, — ekzemplero |
| aison | conjugatio, — conjugaison, — conjugation, — Konjugation, — (coniugare), — konjugacio |
| al | œqualis, — égal, — equal, — egal, — uguale, — egala |
| ance | —»— ambulance, — ambulance, — Ambulanz, — ambulanza, — ambulanco |
| ane | membrana, — membrane, — membrane, — Membrane, membrana, — membrano |
| ant | arrogans, — arrogant, — arrogant, — arrogant, — arrogante, — aroganta |
| | infans, — enfant, — infancy, — (Infant), — —»— infano |
| ard | —»— homard, — —»— —»— —»— omaro |
| at | —»— climat, — climate, — Klima, — clima, — klimato |
| eau | libella, — niveau, — level, — Niveau, — livello, — nivelo |
| el | œternus, — éternel, — eternal, — —»— eterno, — eterna |
| | crudelis, — cruel, — cruel, — —»— crudele, — kruela |
| | universalis, — universel, — universal, — universal, — universale, — universala |
| èle | —»— modèle, — model, — Modell, — modello, — modelo |
| elle | candela, — chandelle, — candle, — —»— candela, — kandelo |
| ence | excellentia, — excellence, — Excellency, — Exzellenz, — eccellenza, — ekscelenco |
| endre | comprendere, — comprendre, — (comprehend), — —»— comprendere, — kompreni |
| | vendere, — vendre, — vend, — —»— vendere, — vendi |
| enser | compensare, — récompenser, — recompense, — kompensieren, — ricompensare, — rekompenci |
| ent | parens, — parent, — (parents), — —»— parente, — parenco |

| | |
|---|---|
| | accentus, — accent, — accent, — Accent, — accento, akcento |
| er | æther, — éther, — ether, — Aether, — etere, — etero |
| ère | character, — caractère, — character, — Charakter, — carattere, — karaktero |
| et | —»— piquet, — picket, — Pikett, — picchetto, — pikedo |
| | —»— bouquet, — bouquet, — Bouquet, — —»— bukedo |
| ète | —»— planète, — planet, — Planet, — pianeta, — planedo |
| ette | —»— toilette, — toilet, — (Toilette), — teletta, — tualeto |
| | —»— cigarette, — cigarette, — Cigarette, — sigaretta, cigaredo |
| eu | —»— adieu, — adieu, — Adieu, — addio, — adiaŭ |
| eur | —»— rédacteur, — —»— Redakteur, — redattore, — redaktoro |
| | fervor, — ferveur, — fervour, — —»— fervore, — fervoro |
| | terror, — terreur, — terror, — (terrorisieren), — terrore, — teruro |
| | (errare), — erreur, — error, — (Erratum), — (errare), — eraro |
| | —»— par cœur, — —»— —»— —»— parkere |
| eux | furiosus, — furieux, — furious, — —»— furioso, — furioza |
| | malitiosus, — malicieux, — malicious, — maliziös, — malizioso, — malica |
| i | —»— parti, — party, — Partei, — partito, — partio |
| | —»— képi, — kepi, — käppi, — chepi, — kepo |
| | amicus, — ami, — (amicable), — —»— amico, — amiko |
| ic | publicus, — public, — public, — Publikum, — pubblico, — publiko |
| ice | novicius, — novice, — novice, — Novize, — novizio, — novica |
| icle | articulus, — article, — article, — Artikel, — articolo, — artikolo |
| ide | acidus, — acide, — acid, — —»— acido, — acido |
| ie | —»— astronomie, — astronomy, — Astronomie, — astronomia, — astronomio |
| ier | (papyrus), — papier, — paper, — Papier, — (papiro), — papero |
| | —»— barbier, — barber, — Barbier, — barbiere, — barbiro |

| | |
|---|---|
| | —»— photographier, — photograph, — photographieren, — fotografare, — fotografi. |
| | januarius, — janvier, — january, — Januar, — gennaio, — januaro |
| | —»— cahier, — —»— —»— quaderno, — kajero |
| ière | —»— rapière, — —»— rapier, — Rapier, — rapiro |
| | —»— manière, — manner, — Manier, — maniera, — maniero |
| | —»— matière, — matter, — Materie, — materia, — materio |
| ieur | —»— ingénieur, — engineer, — Ingenieur, — ingegnere, — inĝeniero |
| if | ablativus, — ablatif, — ablative, — Ablativ, — ablativo, — ablativa |
| il | gentilis, — (gentil), — genteel, — gentil, — gentile, — ĝentila |
| | —»— baril, — bareel, — Barrel, — barile, — barelo |
| ile | facilis, — facile, — —»— —»— facile, — facila |
| ille | pastillus, — pastille, — pastille, — Pastille, — pastiglia, — pastelo |
| | familia, — famille, — family, — Familie, — famiglia, — familio |
| ine | —»— bobine, — bobbin, — Bobine, — —»— bobeno |
| ion | generatio, — génération, — generation, — Generation, — generazione, — generacio |
| | donatio, — donation, — donation, — Donation, — donazione, — donaco |
| | conditio, — condition, — condition, — Kondition, — condizione, — kondiĉo |
| | misio, — mission, — mission, — Mission, — missione, — misio |
| ique | fabrica, — fabrique, — fabric, — Fabrik, — fabbrica, — fabriko |
| | —»— élastique, — elastic, — elastisch, — elastico, — elasta |
| ir | vomere, — vomir, — vomit, — vomieren, — vomitare, — vomi |
| is | tapete, — tapis, — tapis, — Teppich, — tappeto, — tapiŝo |
| | —»— avis, — advice, — Avis, — avviso, — avizo |
| ise | —»— devise, — device, — Devize, — divisa, — devizo |
| iser | —»— civiliser, — civilize, — civilisieren, — civilizzare, civilizi |

| | |
|---|---|
| | baptizare, — baptiser, — baptise, — —»— battezzare, bapti |
| isme | —»— magnétisme, — magnetism, — Magnetismus, — magnetismo, — magnetismo |
| ite | —»— pyrite, — pyrites, — —»— pirite, — pirito |
| ité | —»— université, — university, — Universität, — università, — universitato |
| | comitatus — comité, — committee, — Comité, — Comitato, — komitato |
| ium | —»— géranium, — geranium, — Geranium, — geranio, — geranio |
| oie, | via, — voie, — way, — (Weg), — via, — vojo |
| oine | —»— péritoine, — peritoneum, — —»— peritoneo, — peritoneo |
| oire | promontorium, — promontoire, — promontory, — —»— promontorio, — promontoro |
| | —»— répertoire, — repertory, — Repertoir, — repertorio, — repertuaro |
| | historia, — histoire, — history, — Historie, — storia, — historio |
| | (Vidu silabon *oi*) |
| on | —»— bonbon, — bonbon, — Bonbon, — —»— bombono |
| | carduus, — chardon, — (card), — (Karde), — cardo, — kardo |
| | —»— horizon, — horizon, — Horizont, — orizzonte, — horizonto |
| oncer | denuntiare, — dénoncer, — denounce, — denunzieren, — denunziare, — denunci |
| ond | —»— plafond, —»— Plafond, — —»— plafono |
| | profundus, — profond, — profound, — —»— profondo, — profunda |
| os | heros, — héros, — hero, — Heros, — eroe, — heroo |
| | chaos, — chaos, — chaos, — Chaos, — caos, — ĥaoso |
| | os, — os (ostéologie), — —»— —»— osso, osto |
| ouille | —»— patrouille, — patrol, — Patrouille, — pattuglia, — patrolo |
| ude | —»— latitude, — latitude, — —»— latitudine, — latitudo |
| uire | destruere, — détruire, — destroy, — —»— distruggere, — detrui |
| | conducere, — conduire, — conduct, — (Kondukteur), — condurre, — konduki |

producere, — produire, — product, — (Produkt), — produrre, — produkti

ule vestibulum, — vestibule, — vestibule, — Vestibül, — vestibolo, — vestiblo

pendulus, — pendule, — pendulum, — Pendel, — pendolo, — pendolo

—»— molécule, — molecule, — Molekül, — molecola, — molekulo

—»— crépuscule, — crepuscule, — —»— crepuscolo, — krepusko

um minimum, — minimum, — Minimum, — minimum, — minimum, — minimumo

ure architectura, — architecture, — architecture, — Architektur, — architettura, — arĥitekturo

ut institutus, — institut, — institute, — Institut, — istituto, — instituto.

Oni kelkafoje estas kondukata eltiri esperantan vorton el latina substantivo esprimanta agon, aŭ el latina verbo. En la latina lingvo, plej ofte, la substantivo esprimanta agon devenas de la supina formo de la verbo kun la finaĵo : *io, ionis*. El tio rezultas ke, en la naciaj lingvoj, la verboj, devenantaj de la latinaj vortoj, devenas rekte de la infinitiva formo, dum la substantivoj esprimantaj agon, devenas de la supina formo kun la finaĵo : franca, angla, kaj ofte germana, *ion*, itala *ione*. Sekve, kiam oni, en tia okazo, serĉas la esperantajn korespondantajn vortojn, la internacieco donas verbon devenantan de la infinitiva formo de la verbo, kaj substantivon devenantan de la supina formo kun la finiĝo : *io*.

Sed, en Esperanto, oni povas devenigi rekte verbon, el substantivo, nur per la ŝanĝo de la finaĵo *o* en *i;* kaj reciproke, oni povas devenigi substantivon el infinitiva verbo, nur per la ŝanĝo de la finaĵo *i* en *o* aŭ *ado ;* do estas neebla trovi esperantan radikon, kiu donas samtempe, internacian formon por la substantivo kaj la verbo.

La studo de la jam ekzistantaj vortoj ne ebligas konkludi per alpreno de ĝenerala regulo ; tamen oni povas doni la sekvantajn konsilojn :

1e Rezultas de la 15a regulo de la Fundamento, ke oni ne devas precipe alpreni malsimilajn radikojn por la substantivo kaj la verbo : (*Ekz. : el la latina verbo* agere, actum, *oni devenigas la esperantan verbon* agi ; *la franca vorto* action *estos tradukata per* ago *aŭ* agado ; *kaj oni ne alprenos por esprimi tiun ideon, la substantivon* akcio).

2e Ĉar la formoj en *ii*, por la verbo kaj en *iisto, iilo*, por la kunmetataj vortoj estas iom pezaj, estos pli bona — kiam la naskvorto estas naskonta tiajn vortojn — alpreni, kiel naskvorton, substantivon kun finiĝo *o* : (*Ekz. : el la latina* donatio, *oni devenigis* donaco, *kiu donas* donaci, *anstataŭ* donacio, *kiu estus doninta* donacii).

3e Kontraŭe, kiam la naskvorto ne estas naskonta verbojn aŭ tiajn kunmetatajn vortojn, estos pli bona alpreni la formon en *io*, kiu estas pli internacia : (*Ekz. : oni povas alpreni* aberacio, mutacio, institucio, k.t.p.).

4e El tio, rezultas ankaŭ ke, kiam oni povas heziti inter la alpreno de substantivo aŭ de verbo, kiel naskvorto, estos pli bona elekti la verbon : (*Ekz. : oni devas preferi* reflekti *ol* reflekcio).

*Rimarko.* — Tiuj lastaj konsiloj taŭgas por la vortoj, kies nacilingvaj tradukoj finiĝas per : france *ie*, angle *y*, germane *ie*, itale *ia* kaj kiuj, por kontentigi la internaciecon devus havi la finaĵon *io* : (*Ekz. : la substantivo* fotografio *kaj la verbo* fotografi *estas ambaŭ internaciaj, sed oni devos preferinde elekti la verbon kiel naskvorton, ĉar ĝi naskos* fotografisto, fotografo, *dum la substantivo naskus :* fotografii, fotografiisto).

5e Kiam oni bezonas devenigi du esperantajn vortojn de malsimilaj signifoj el samforma internacia vorto, oni povas profiti tiujn diversajn formojn, kaj eĉ aldoni kelkajn aliajn laŭ la sekvantaj manieroj :

*a*) oni uzas por unu signifo, la infinitivan formon kaj la supinan por la alia : (*Ekz. :* agi *devenas de* agere, *kaj* akto *de* actum)

*b*) oni ŝanĝas la formon de la lasta silabo : (*Ekz. : El la latina* producere, *oni devenigas* produkti *kaj* produto ; *same el la latina* conducere, *oni devenigis* konduko *kaj* konduto).

*c*) Fine, oni povas alpreni por unu vorto la infinitivan formon kaj, por la alia la substantivan : (*Ekz. :* operi *kaj* operacio, proponi *kaj* propozicio ; varii *kaj* variacio).

## D. — *Pri la vortoj.*

a) *Pri la elekto de la radikoj.*

Por trovi esperantan vorton, utiligante la naciajn tradukojn, oni devas elekti formon, kiu entenas nur la partojn *necesajn* kaj *sufiĉajn* por memorigi tiujn naciajn vortojn ĉu skribe, ĉu parole.

Oni devas evidente preni parton kiu estas *sufiĉa*, sed oni devas nur preni la *necesan* parton, ĉar estas grava ke la vortoj estu mallongaj, ne nur pro ilia facila pronuncado kaj skribado, sed ankoraŭ pro la formado de la kunmetitaj vortoj, kiuj devas esti malplej komplikaj kiel eble.

Rezultas el tio ke, kiam oni konsideras vortojn de la naciaj lingvoj esprimantajn la saman ideon, kaj devenantajn de la sama latina vorto, oni estas kondukata alpreni la komunan radikon, apartigante ĝin de la finaĵoj, kiuj plej ofte malsimilas en la diversaj lingvoj. Oni trovas multajn ekzemplojn de tio en la supre donita tabelo de la finaĵoj.

Ankaŭ kiam oni devas esperantigi nacian vorton, oni povas mallongigi ĝin tiamaniere ke ĝi estu ankoraŭ rekonebla de la nacianoj. Oni ne povas doni precizajn konsilojn por tion efektivigi : la formado de la esperantaj vortoj per utiligo de la naciaj vortoj, estos pli malpli bona, laŭ ke la verkisto pli malpli komprenos la spiriton de la lingvo; kaj li akiros ĝin,

nur legante multajn tekstojn de la plej lertaj aŭtoroj ; kvankam la teknika aŭ scienca lingvo ne bezonas artan formon, kaj devas celi ĉefe nur la precizecon, ne estos malbona ke ĝi posedu plie la fluecon kaj belsonecon de la komuna lingvo.

b) *Pri la traduko de la naciaj kunmetitaj vortoj.*

Se la nacilingva vorto, kiun oni elektis kiel simplan esperantan vorton, estas kunmetita vorto, kaj se ĝi estas laŭvorte tradukebla en esperanton, oni neniam devos fari tiun tradukon. Efektive oni riskas grave erari en tiuj tradukoj, pro la sekvantaj motivoj : unue la plimulto el tiuj vortoj estas nun forigitaj for sia unua signifo, kaj samtempe aliformiĝintaj ; sekve la laŭvorta traduko ne donas plej ofte la veran signifon : (*Ekz. : la franca vorto* compromettre *ne plu havas la signifon de la laŭvorta traduko* kunpromesi ; *la franca vorto* correspondre, *de la traduko* kunrespondi ; *sekve oni devos alpreni la vortojn* komprometi *kaj* korespondi). La dua motivo estas ke ofte la naciaj afiksoj, kiuj similas la esperantajn, ne havas saman signifon, kaj el tio povas rezulti gravan konfuzon : (*Ekz. : la franca* dis, *ne havas la signifon de la esperanta en la vorto :* dissymétrie ; *same la francaj* com, con *ne ĉiam signifas* kun, k.t.p.).

Tamen, ĉar Esperanto eltiris siajn elementojn el la naciaj lingvoj, eĉ kelkafoje ne aliformigante ilin, povas okazi ke kunmetata vorto formata laŭ la reguloj kaj kun la elementoj de Esperanto, ŝajnas traduko de kunmetita nacilingva vorto ; kelkafoje tiu nacia vorto havas saman signifon kiel la esperanta vorto, kaj kelkafoje alian signifon. Kvankam vidante tiujn vortojn, oni povus pensi ke ili estas esceptoj de la supredonita regulo, oni povos konservi ilin : (*Ekz. :* albordiĝi *havas la saman formon kaj la saman signifon kiel la laŭvorta traduko de la franca vorto :* aborder).

c) *Pri la hibridaj vortoj.*

Oni nomas *hibridaj* vortoj, kunmetitajn vortojn kiuj estas formataj de radikoj aŭ de vortoj apartenantaj al diversaj lingvoj. Oni trovas multajn el tiuj vortoj en la scienca lingvo — kaj preskaŭ ĉiuj estas internaciaj — ; evidente ni ne povas forigi ilin for Esperanto, sed ni devas zorge atenti ne enkonduki tiajn novajn vortojn, t. e. vortojn en kiuj kuniĝas radikoj aŭ vortoj apartenantaj al diversaj vivantaj, aŭ ne, lingvoj, kaj al Esperanto.

Bedaŭrinde ni devos tamen alpreni vortojn, kiuj ŝajnas hibridaj, t.e. konsistantajn el esperanta parto kaj el alia neesperanta parto, ĉar, alimaniere farante, ni kripligus la aspekton de tiuj vortoj kiuj estas internaciaj, malhelpus la regulecon de la scienca lingvo kaj mirigus la teknikistojn, kiuj konas tiujn vortojn en ilia internacia formo.

Aliparte jam ekzistas en la komuna lingvo — kaj en la Fundamento — multaj el tiaj vortoj, kaj neniu motivo povas altrudi al la teknika lingvo eviti tiun malgrandan neperfekton, kiun oni akceptas en la komuna lingvo.

Tiuj vortoj povas esti klasataj laŭ tri klasoj :

1e La vortoj konsistantaj el du partoj, unu esperanta kaj alia ne esperanta : (*Ekz.* : brakicefalo, amfiteatro, hemisfero, termometro, k.t.p.).

2e La vortoj konsistantaj el esperanta radiko sekvata de finaĵo, kiu ŝajnas esti sufikso — sed ne ekzistanta en Esperanto — aŭ antaŭata de afikso, kiu ankaŭ ne estas esperanta : (*Ekz.* : administracio, kompensatoro, poliedro, k.t.p.).

3e La vortoj konsistantaj el neesperanta radiko sekvata de finaĵo, kiu similas esperantan sufikson, aŭ antaŭata de silabo, kiu ŝajnas esperanta afikso : (*Ekz.* : albumino, aldehido, molekulo, distili, k.t.p.).

Tamen, oni ĉiam devos klopodi por eviti tiujn formojn, kiam oni povos tion fari ne malhelpante la internaciecon aŭ la kompreneblecon de tiuj vortoj. Oni trovas multajn ekzemplojn de la manieroj jam kelkafoje uzataj de la aŭtoro mem de la lingvo, por malaperigi la similon de la finaĵoj je kun esperantaj sufiksoj : oni povos laŭokaze imiti ilin atentante pri la kondiĉoj, kiujn ni ĵus montris.

Por tion efektivigi, Dro Zamenhof uzas du metodojn : aŭ ŝanĝo de litero, aŭ mallongigo de la vorto. Jen ekzemploj :

1. — *Ŝanĝo de litero.*

| | |
|---|---|
| *de* en *di* | —»— débauche, — debauch, — Debauche, — —»— diboĉo |
| | definire, — définir, — define, — definieren, — definire, — difini. |
| *et* en *ed* | —»— planète, — planet, — Planet, — pianeta, — planedo |
| *re* en *ri* | repetere, — répéter, — repeat, — repetieren, — ripetere, — ripeti |
| | —»— se reposer, — repose, — (Repositorium), — riposarsi, — ripozi |
| *ul* en *ol* | pendulus, — pendule, — pendulum, — Pendel, — pendolo, — pendolo |

2. — *Mallongigo de vorto.*

| | |
|---|---|
| *ad* | —»— embuscade, — ambush, — (im Busche), — imboscata, — embusko |
| *de* | —»— détachement, — detachment, — Detachement, — distaccamento, — taĉmento |
| *er* | adulterare, — (adultère), — (adultery), — —»— (adulterio), — adulti |
| *in* | clinare, — incliner, — incline, — (inklinieren), — inclinare, — klini |
| *it* | limes, — limite, — limit, — Limite, — limite, — limo |

*on* —»— escadron, — squadron, — Schwadron, — squadrone, — skadro

*ul* —»— crépuscule, — crepuscule, — —»— crepuscolo, krepusko

Kiel ni diris, oni ne devas enkonduki en Esperanton hibridajn vortojn; sekve se nur unu parto de nacilingva vorto estas aŭ ŝajnas tradukebla, oni neniam tion devos fari, unue pro tiu motivo kaj due pro tio, kion ni diris en la antaŭa paragrafo : (*Ekz. :* kunverĝi, elpozi *estas tre malbonaj vortoj, kiujn oni devas anstataŭi per* konverĝi, ekspozi).

d) *Pri la vortludoj.*

Fine, oni ne ŝanĝos internacian vorton, aŭ eĉ taŭgan vorton ne tute internacian, pro ĝia duobla kompreniĝo. (*Ekz. : oni devas konservi :* interpreti, transformi, membrano, fontano, k.t.p. *kvankam oni povas apartigi la partojn de tiuj vortoj, tiamaniere ke ili ŝajnas havi alian signifon ol tiu, kiun oni elektis*).

e) *Pri la propraj nomoj.*

La demando pri la esperantigo de la propraj nomoj fariĝas simpla, se oni konsideras ke tiuj vortoj estas tute similaj je la aliaj vortoj de la lingvo.

Efektive, ili estas vortoj elektitaj, per interkonsento, por montri ion inter aliaj ioj de sama speco, aŭ kelkajn iojn de sama speco havantajn specialan interrilatecon.

Je tiu vidpunkto, nomo de familio da kreskaĵoj aŭ da bestoj estas analoga al nomo de familio da homoj, de aro da montoj aŭ de grupo da insuloj. Kiel la unuaj montras aron da kreskaĵoj aŭ da bestoj havantaj saman formon, naturon, ktp., tiel la lastaj montras aron da homoj havantaj inter ili parencecon, da altaĵoj inter si ligataj aŭ da insuloj grupigataj. (La fakto ke multaj el tiuj propraj nomoj havas saman devenon, t.e. montron de speciala eco, formo, k.t.p. pravigas tiun vidmanieron).

Sekve, ĉar oni esperantigas la unuajn, oni devas ankaŭ esperantigi la duajn, kaj uzante la samajn metodojn, kiujn ni donis supre.

La ĝenerala metodo konsistas unue kunigi la elementojn de la problemo, kaj due elekti la esperantan vorton, studante laŭ la metodoj supredonitaj, tiujn elementojn.

En tiu okazo, la elementoj de la problemo estas la vortoj, kiujn oni uzas, en la diversaj naciaj lingvoj, por nomi la konsideratan ion, kaj povas okazi ke tiaj nomoj ekzistas en kelkaj naciaj lingvoj aŭ nur en unu nacia lingvo.

Ni studos aparte ĉiun el tiuj du kazoj, sed antaŭ ĉio ni altiras la atenton al tiu grava punkto, ke ni ne serĉas *tradukon de vorto*, sed *nomon de io :* oni do ne devas kunigi la eblajn tradukojn de la propra nomo : (*Ekz. : se ni serĉas la esperantan nomon de urbo nomata france :* Villeneuve, *ni ne atentos la tradukojn: angle,* Newtown; *germane,* Neustadt; *ruse,* Novgorod, k.t.p., *se en tiuj nacioj, oni ne nomas per tiuj vortoj, la francan urbon mem*).

1e *Ekzistas kelkaj nacilingvaj nomoj.*

En tiu kategorio troviĝas :

A. — La nomoj de la geografiaj ioj ĉe aŭ apud kiuj loĝas diverslingvaj popoloj. (Kontinentoj, oceanoj, maroj, k.t.p.).

Pri la nomoj de tiu kategorio estas neniu malfacilo : oni esperantigos ilin laŭ la metodoj supredonitaj por la komunaj vortoj, t.e. konsiderante la internaciecon. (*Ekz. : france :* Méditerranée ; *angle :* Mediterranean ; *germane :* Mittelmeer ; *itale :* Mediterraneo ; *hispane :* Mediterraneo ; *ni do elektos* Mediteraneo).

*(Daŭrigota).*

*La direktoro de la Komisio :*
ROLLET DE L'ISLE.

---

# KORESPONDADO

## La kalendara reform-demando en la internacia kongreso de komerc-ĉambroj.

Kiel oni scias (vidu *IScR* 1910 paĝo 166) la demando estis proponita al la *Londona* kongreso de la *Harlema Societo de l'Industrio (Maatschappij van Nijverheid)*. La kongreso akceptis la jenajn gravajn decidojn :

« Estas dezirinde atingi la starigon de fiksa internacia kalendaro. »

« Estas dezirinde realigi, per internacia interkonsento, la fikson de la festo de Pasko ».

« La kongreso komisias sian ĉiaman komitaton, instigi la iniciaton de iu ajn registaro, kiu konvokos oficialan diplomatan konferencon kun la celo realigi la fiksadon de Pasko kaj starigi fiksan internacian kalendaron. »

Ni nun aŭdis, ke la svisa registaro estas preta je tio.

Por atingi efektivan sufiĉan kaj ĝeneralan reformon estas necese, nun klarigi kiel eble plej baldaŭ la publikon pri la demando kaj vekigi intereson por la reformo, postulante, ke la dirita fiksado estu absoluta, t. e. ke la moveblo de la semajnoj estu tute forigita en unu de la proponitaj manieroj kaj ke en la sama okazo ankaŭ estu korektota la neracia malsama longo de la monatoj.

Koncerne la diversaj proponoj mi estas kun granda intereso komparinta la citita jn de Sro STOJAN en la julia kajero de *IScR*, paĝo 222 volumojn de la *jurnalo de astronomio*. Mi trovis tie tre klaran raporton de Ph. GÉRIGNY kaj ĝojigis pri, ke li detale motivigas la solan praktikan eblon kaj neceson precize de reformoj similaj al proponoj de Grosclaude kaj de mi. Efektive la du unuaj premioj de la konkurso de 1884 ĝis 1887 estas donitaj al tiaj projektoj. Ambaŭ donas al la tri monatoj de la jarkvarono 31, 30 kaj 30 tagojn, aldonas la supertagon al la fino de l'jaro kaj metas ĝin. kiel ankaŭ la 365an tagon, ekster la semajno. Sed la 365an tagon la projekto de ARMELIN, *Paris*, metas en la komenco de l'jaro kaj nomas O, kiel Grosclaude, kontraŭe la dua projekto de la inĝeniero HANIN, *Auxerre*, nomas ĝin la 31an de decembro, kiel mi. Do la projekto de HANIN preskaŭ estas identa je la mia ; nur lia decembro entenas en superjaroj 32 tagojn, simile la januaro de ARMELIN, se ni entenigas la nov-jartagon en tiu monato, entenas ĉiam 32 tagojn. Monatoj de 32 tagoj tamen certe estas evitindaj kaj ankaŭ facile eviteblaj. Komparu IScR 1910, paĝ. 238.

Pro Dro W. KÖPPEN,
*Hamburg.*

## Pri la teorio de Antido.

### Nova respondo de S^ro^ Couturat al Antido.

Ĉi sube oni trovos la tradukon de nova respondo de S^ro^ Couturat al mia lasta letero. Oni vidos ke ĝi tute ne estas respondo al la teorio de Antido: Mi diris ke S^ro^ C. devas rekomenci la tutan kritikon de la derivado en Esperanto, ĉar mi montris ke lia unua kritiko estas bazita sur esenca malkompreno de la vera senco de la vortfinaĵoj (*a, i, o, e*) en Esperanto.

Nu, anstataŭ pruvi, ke mi eraras pri tiu ĉi punkto, aŭ ke Esperanto estas mallogika eĉ kiam oni akceptas la veran difinon de ĝiaj gramatikaj finaĵoj, S^ro^ C. simple rekomencas kritiki Esperanton per sia propra kompreno de la Esperantaj finaĵoj, kaj per siaj propraj reguloj de derivado.

La finaĵoj, afiksoj, ktp. estas simboloj, kaj neniu logikisto rajtas kritiki teorion pri simboloj, se li ne konas ilian precizan sencon. Se la kritikisto ŝanĝas la sencon de la simboloj, donitan de la aŭtoro mem de la teorio, lia kritiko estas tute senvalora. Tia estas kaj restos la kritiko de S^ro^ C. tiel longe, ĝis li akceptos kritiki Esperanton laŭ la principoj kaj reguloj de Esperanto mem kaj ne laŭ tiuj de Ido, kiuj eĉ ne ekzistis antaŭ 4-5 jaroj.

Estas vere ke S^ro^ C. pretendas ke la teorio de Antido estas nur persona teorio. Mi ankaŭ tiel opiniis en la komenco, kaj en mia broŝuro, mi eĉ riproĉis al Zamenhof, ke li ne sufiĉe difinis la sencon kaj la veran rolon de la gramatikaj finaĵoj en Esperanto. Efektive, mi starigis la teorion de vortfarado en Esperanto studante nur la lingvon mem kaj ĝian literaturon, kaj neniel zorgante pri la Fundamento; mi eĉ neniam estis leginta la vere originalajn famajn 16 regulojn de la gramatiko, kiam aperis mia broŝuro.

Sed nun mi konstatis, ke en diversaj lokoj de la Fundamenta Krestomatio, Zamenhof tute klare montras la rolon de la gramatikaj finaĵoj; li eĉ dediĉas al tiu difino unu el la 16 reguloj, nome la dek-unuan. Tiu regulo estas la jena: 11) *Vortoj kunmetitaj estas formataj per simpla kunigo de la vortoj (la ĉefa vorto staros en la fino)*; **la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj ankaŭ kiel memstaraj vortoj.**

Ankaŭ en paĝo 248 de la Krestomatio, Zamenhof diras: *Tiel ekzemple la vorto « fratino », kiu en efektiveco konsistas el tri vortoj :* frat *(frato)*, in *(virino)*, o *(kio estas, ekzistas) (= kio estas frato-virino = fratino)*.....

Tiuj citaĵoj unuflanke konfirmas la teorion de Antido kaj aliflanke montras, aŭ ke S^ro^ C. ne konas la lingvon Esperanto kiun li kritikas, aŭ ke li intence ŝanĝis la sencon de la Esperantaj finaĵoj. En ambaŭ okazoj, lia kritiko estas senvalora, ĉar la lingvo, kiun li pretendas kritiki ne plu estas Esperanto, sed nur fantazia lingvo kiu neniam ekzistis[1].

---

[1] Kiam mi faris la kritikon de la reguloj pri derivado proponitaj de S^ro^ C., mi ne apogis mian kritikon sur la vera senco de la Esperantaj finajoj, sed sur la difinoj

Oni do trankvile legu la respondon de S^ro C., kiu ne atingas nin Esperantistojn, kaj kiu cetere estas nur resumo de la jam konata Idista vidpunkto :

*Logikaj principoj de la derivado laŭ S^ro Couturat.*
*(tradukita el Ido)*

Por respondi al la kontraŭdiroj de Antido, estas necese prezenti la logikajn principojn de la derivado, kiuj estas aplikataj en Ido. Cetere li petas nin « rekomenci la kritikon de Esp. »; tion ni ne povas pli bone fari ol montrante la solan logikan sistemon.

Ĝi estas apogita sur la *principo de unusenceco*, starigita de Ostwald. Lingvo estante signaro, unu sola signo devas havi nur unu sencon, kaj unu sola ideo nur unu signon[1] (de tiu principo oni konkludas, ekzemple, ke oni ne bezonas montri en la verbo la nombron kaj la personon, jam entenatajn en la subjekto; nek montri en l'adjektivo la nombron kaj kazon[2], jam entenatajn en la substantivo).

De tio rezultas, ke unu sola elemento de vorto devas havi unu sencon, kaj nur unu, kaj ke unu sola elemento de la ideo devas esti esprimata per unu elemento de la vorto, kaj nur per unu. Nu, la vortoj estas konstruataj el radikoj, afiksoj kaj finaĵoj gramatikaj. Sekve, la *gramatikaj finaĵoj* havas nur gramatikan sencon kaj rolon[3], kaj nur montras, ke la vorto apartenas al difinita gramatika klaso. Ili do ne povas ŝanĝi iel ajn la sencon de la vorto, nek alporti en ĝin iun ajn signifhavan elementon : tio estas ekskluzive la rolo de la afiksoj. Alligi al la gramatikaj finaĵoj samtempe (aŭ alterne) gramatikan rolon kaj specialan signifon, estas evidenta malobeo de la principo de unusenceco[4].

---

donitaj de S^ro C. mem, kaj mi diris tute klare : « la sistemo de S^ro C. estas logika rilate al siaj propraj reguloj sed la sistemo de Esperanto estas tute alia sistemo, kaj kiam S^ro C. bonvolos juĝi Esperanton, ne laŭ siaj sed laŭ ĝiaj difinoj, li konstatos ke la vortkonstruo en Esperanto estas tute logika kaj preciza, pro la klasado de la radikoj laŭ tri klasoj (tiaj ke, se unu radiko estas metita en unu klaso, ĝi ne plu entenas la ĝeneralajn ideojn kunrespondajn al la aliaj du klasoj); plie li konstatos ke Esperanto estas pli konforma al la naturaj lingvoj ol Ido. (A.)

[1] Kial do Ido montras per unu sola signo *i* la ideon de pluraĵo kaj tiun de substantivo, anstataŭ havi kiel en Esperanto unu signon *o* por montri substantivon kaj alian *j* por montri pluraĵon (Antido).

[2] La nevariebleco de adjektivo estus tute konforma al mia principo de sufiĉo, se la adjektivo ĉiam starus flanke de sia substantivo en la frazo. Laŭ la sama principo de sufiĉo oni rajtas ripeti dufoje (aŭ pli) la saman ideon se la ripeto havas utilon. La demando pri variebleco aŭ nevariebleco de l'adjektivo resumiĝas do en ĝia utileco aŭ neutileco por la sintakso. Laŭ mi la variebleco estas preferinda ĉar en lingvo internacia la vortordo devas esti kiel eble plej elasta. La ekzemplo de la angla lingvo pruvas do nenion, ĉar en tiu lingvo la vortordo estas tro rigida. La nevariebleco de l'adjektivo ankaŭ kaŭzas konfuzojn, ekzemple se oni dirus : « prenu la plej *bela* el tiuj ĉi pomoj » oni ne scias ĉu oni parolas pri la plej bela aŭ la plej belaj. (A.).

[3] Tie ĉi kuŝas la ĉefa demando de la tuta teorio pri derivado; la tuta diferenco inter Esperanto kaj Ido venas de la malsama senco donita al la gramatikaj finaĵoj; kaj al la diskutado de tiu ĉi punkto, S^ro C. dediĉas... unu linion! Li diras « sekve la gramatikaj finaĵoj..... », sed mi ne vidas kiel tiu frazo estas *sekvo* de la antaŭa frazo. Fine eĉ se S^ro C. estus prava tie ĉi, li ne *rajtas*, kiel ni diris ĉi supre, doni al la finaĵoj esperantaj sencon alian ol tiu donita de la Fundamento (A.).

[4] Mi senlace ripetos ke la finaĵoj enhavas ideojn same kiel sufiksoj. Tiuj ideoj estas nur pli ĝeneralaj : tio estas konforma al ĉiuj naturaj lingvoj kaj tute ne kontraŭa al principo de unusenceco : en vorto F. *couronn-er*, la ideo aga estas esprimata nur per la finaĵo *-er* (= Esp. *i*); en vorto *écr-ire*, la ideo aga estas jam entenata en la verba radiko *écr*, la finaĵo *ire* enkondukas do pleonasmon en la vorton, sed pleonasmo tute ne estas dusenceco, ĉar *skrib* = *fari agon skribi*. Plie, S^ro C. tute forgesas ke la ideo uzi gramatikajn finaĵojn nur por montri la gramatikan rolon estas ideo proponita nur de li; tiaj finaĵoj ekzistas en neniu lingvo, ĉar ili estas tute superfluaj. (A.)

La *principo de renversebleco* estas nur konsekvenco de la principo de unusenceco : se oni derivas unu vorton el alia per ia regulo (kiu modifas la sencon), oni devas havi la povon inverse derivi la duan el la unua per regulo precize inversa (kiu modifas la sencon inverse, do restarigas la unuan) [1].

Do la interŝanĝo de la gramatikaj finajoj povas neniel modifi la sencon de la vorto : ĝi simple igas *la saman ideon* transiri de unu klaso al la alia [2]. La substantivo senpere derivita de verbo povas do signifi nenion alian ol : la ago aŭ la stato esprimata de tiu verbo [3] : *dormi, dormo; skribi, skribo.* Se oni volas montri la rezultajon de la ago, oni devas aldoni iun sufikson, ekz. *-ur* : dormo havas nenian rezultajon, do *dormuro* estas sensenca. Sed skribo havas rezultajon : *skriburo.* Estas nelogike uzi *skribo* anstataŭ *skriburo*, same kiel estus nelogike uzi *kanto* anstataŭ *kantanto* (kiel proponas S[ro] Kolowrat en sia reforma sistemo). *Kanto* = ago kanti, kaj ne povas signifi alion. Tio neniel estas « arbitra regulo » aŭ « persona kaprico », sed logika postulo [4]; kontraŭe, ĉiu alia regulo estus arbitra kaj kontraŭlogika [5] (Vid. Unikeco de la sistemo de derivado, en Progreso I. p. 390 kaj 562. N° 8, Oktobro; n° 10, Decembro, 1908).

Nu, kontraŭ la principo de renversebleco Esperanto faras sennombrajn pekojn, kiujn mi citis kaj klasis en mia *Studo pri la derivado* (2ª eldono, Paris, Delagrave, 1910; ekzistas ankaŭ Franca eldono). Ĝi do neniel estas « aprioria » verko, ĝi estas fondita sur la observado de la kulpoj de Esp., sendepende de iu ajn teorio. Nur unu ekzemplo : de *broso* oni derivas *brosi.* Sed de *brosi*, inverse, oni povas kaj devas derivi *brosilo.* Do, oni havas du vortojn (*broso, brosilo*) por la sama instrumento, kaj du sencojn por unu sama vorto (*broso*, kiu devus signifi : ago brosi). Oni pekas duoble kontraŭ l'unusenceco. Kaj oni pekas same, ĉiufoje kiam oni derivas senpere verbon el substantivo, kiu ne signifas ago aŭ stato : ekzemple *krono, kroni* : de *kroni* oni derivas krono, kiu signifas necese : ago kroni [6]. Vane oni citas la ekzemplon de niaj

---

[1] En Esperanto la renversebleco estas perfekta, pro tio ke la senco de la vortoj dependas nur de la vorto mem, kaj neniel de la vojo sekvita por derivi la vorton. Ĝi do estas komparebla al mekanika potencialo, kiu ĉiam reakiras la saman valoron kiam oni revenas al la sama punkto kia ajn estas la vojo sekvita intere. (A.)

[2] Kial do en Ido *granda* signifas F. *grand*, kaj *grando* signifas *granda homo*? Ŝajnas ke tie ĉi la interŝanĝo de la gramatikaj finajoj *a* kaj *o* tute ŝangis la sencon de la vorto, ĉar la ideo de persono, kiu tute ne ekzistis en la vorto *granda*, subite aperas en la vorto *grando.* (A.)

[3] Tio estas ne nur vera sed evidenta kondiĉe ke oni ne faros konfuzon inter verbo kaj radiko verba : *skribi* estas verbo kaj *skrib* estas radiko verba; do radiko *skrib* entenas en si mem la ideon de ago, kaj *skribo* signifas *ago skrib; kroni* ankaŭ estas verbo, sed *kron* ne estas radiko verba, do en kroni la ideo aga estas esprimata per finajo *i;* la ago kroni estas do *kronio* = *kronado.* (A.)

[4] Postulo efektive tute logika se oni atentas la rimarkon faritan en la antaŭa piednoto. — La sistemo *skribo, skribado*, anstataŭ *skriburo, skribo*, estas ankaŭ logika, pli simpla kaj praktika : en vorto *skribo* la ideo aga estas entenata interne en radiko *skrib*, tute same kiel en rezulto de ago, la ideo aga estas pasinta kaj interne entenata en tiu rezulto; kontraŭe en vorto *skribado* la ideo aga estas ĉefa, nuna, ĉar ĝi estas esprimita dufoje, kaj per maniero ekstera videbla. — Pri la teorio de S[ro] Kolowrat estas responda nur S[ro] Kolowrat sed ne mi. (A).

[5] Esperanto ne donas alian regulon, ĝi tute ne bezonas regulon ĉar en Esperanto la senco de la vortoj dependas, ne de reguloj pri derivado, sed nur de la senco de la diversaj partoj de la vorto mem. (A.)

[6] Tie ĉi S[ro] C. pritraktas tute alian demandon, nome tiun de la klasado de la radikoj. Neniu povas scii la signifon de la vorto *broso* ne sciante ĉu la radiko *bros* estas klasita kiel substantiva aŭ kiel verba : en la unua okazo *broso* signifas *ilo por brosi* kaj la *ago brosi* estas *brosio* = *brosado:* en la dua okazo *broso* signifas *ago bros* kaj la ilo por brosi estas *brosilo.* Vane S[ro] C. pretendas (pli sube) ke lia teorio estas ne dependa de la klasado de la radikoj, ĉar li jus diris « oni pekas kiam oni derivas senpere

lingvoj eĉ de ĉiuj lingvoj : kio fariĝus la L. I., se ĝi devus sekvi la sennombrajn ekzemplojn de nelogikeco de niaj lingvoj [1]? Oni devus ankaŭ diri en Esperanto *remo* anstataŭ *remilo*, *sego* anstataŭ *segilo* ktp., t.e. forigi ĉiujn derivaĵojn per *-ilo*, kiuj tamen estas tre logikaj [2]!

La sama rezono estas aplikebla al la rilato de la substantivo kaj de l'adjektivo. Oni havas en Esp. familiojn tute malsamkarakterajn, kiel *vidva*, *vidvo*, *vidvino*, kaj *virga*, *virgulo*, *virgulino*. Oni klarigas, ke en la unua oni derivas el la substantivo, kaj en la dua el l'adjektivo. En logika lingvo (kiel Ido) oni ne bezonas tiujn subtilajn diferencigojn vere arbitrajn [3], kiuj trudas neutilan penon de memoro. La ideo *vidv*, la ideo *virg*, estas samaj sub la formo adjektiva aŭ substantiva : *li estas vidva* aŭ *vidvo;* ŝi estas *virga* au *virgino* [4]. Sed kontraste estas sensence derivi senpere adjektivon, ĉu el verbo *(pika, rava,)* ĉu el substantivo *(pora, fama,)* kiu ne havas la saman sencon. Same kiel oni ne povas uzi *kanto* anstataŭ *kantanto*, oni ne povas diri *kant-a* anstataŭ *kant-anta*, *-iva* aŭ *-ema*. Simile oni devas diri *por-oza*, *fam-oza* [5] (= kiu havas porojn, famon). [Mi ne scias, kie Antido trovis, ke la sufikso *-oz* povas esti uzata nur kun nomoj de aĵoj (v. p. 302, noto) : ni povas diri *homoza* same kiel *poroza*, se ni ne preferus diri *populoza*. Ĝenerale, la aplikeblo de afikso ne devas dependi de la senco de la radiko (se nur la derivaĵo havas sencon). Sed kontraŭ tiu logika regulo

---

verbon el sukstantivo *kiu ne signifas ago aŭ stato* », kaj diri ke substantivo signifas *ago* aŭ *stato* estas same kiel diri ke la radiko de tiu substantivo estas verba. — Pri la familio *kron*, *kroni*, *kronio*, mi jam klarigis pli ol dek fojojn, ni povas do preterpasi. (A.)

[1] Mi citis tie ĉi la ekzemplon de la naturaj lingvoj, ne por sekvi ĝin blinde, sed por montri kontraŭe ke la naturaj lingvoj estas logikaj kaj havas saman sistemon de derivado kiel Esperanto; ekzemple : *homme*, *hum-ain*, *hum-an-ité (hom*, *hom-a*, *hom-a-o* = *hom-ec-o); couronne*, *couronn-er*, *couronn-e-ment (kron*, *kron-i*, *kron-i-o* = *kron-ado)*. (A.)

[2] Unu sistemo ne estas *pli logika* ol la alia ; oni devas elekti por ĉiu aparta radiko la plej oportunan klasadon, sed neniam oni povos esprimi ĉiujn instrumentojn per vorto entenanta sufikson *-il* (ekz. cirkelo), tute same kiel oni ne povas esprimi ĉiujn profesiulojn per vorto entenanta sufikson *-ist* (ekz. *konsulo*). Cetere la teorio mem de derivado tute ne dependas de la maniero laŭ kiu la radikoj estas klasitaj ; eble en Esperanto kelkaj radikoj estas malbone klasitaj, sed tio estas nur detalo facile korektebla. (A.)

[3] Tiu diferencigo tute ne estas « subtila », ĝi estas ĉefa, ĉar la kvar fundamentaj ideoj de la gramatiko estas : *persono*, *kozo* (subst. ideo), *kvalito* (adj. ideo) kaj *ago* (verba ideo). Do, tre grava estas la diferenco, ĉu oni rigardas la radikon, *vidv* aŭ *virg* kiel substantiva aŭ kiel adjektiva. En la unua okazo la radiko entenas ideon de persono kaj ne entenas ideon kvalitan ; en la dua okazo la radiko entenas ideon kvalitan kaj ne entenas ideon de persono. Tio estas tute simila al tio jam dirita pri radiko *bros*, kiu entenas ideon ĉu de materiaĵo, ĉu de ago, laŭ ke, tiu radiko estas klasita kiel substantiva aŭ kiel verba. Tiu klasado estas ĉiam pli malpli arbitra, sed mi ripetas ke, la sistemo mem de derivado estas ne dependa de la demando, ĉu la radikoj estas bone klasitaj aŭ ne. Mi faros nur du rimarkojn : radikon kiel *vidv* oni povas klasi logike kiel substantivon, ĉar ĝi entenas ideon de persono (kategorio de persono) pli ol ideo kvalita, sed radikon kiel *sankt* oni ne povas klasi inter substantivoj, ĉar adjektivo sankta ne ĉiam rilatas al persono (ekz. *sankta loko* ne ĉiam estas loko rilata al sankta homo). (A.)

[4] Por apogi sian argumentadon, S<sup>ro</sup> C. lerte elektis frazojn en kiuj la adjektivo ne havas sian kutiman rolon, sed havas rolon de atributo. La vera rolo de adjektivo estas kvalitigi substantivon, ekz. : *la granda arbo*, kontraŭe la frazo *li estas vidva* signifas *li estas vidva homo* (aŭ *li estas vidvo*, se radiko *vidv* estas klasita kiel substantivo) ; same *ŝi estas virga* signifas *ŝi estas virga virino*. Ĉar *virga* = *virg* kaj *vir* = *ul*, oni konkludas ke *virga vir-ino* = *virg-ul-ino*. (A.)

[5] Oni efektive ne devas derivi senpere adjektivon el verbo ĉar (escepte en tre maloftaj okazoj) la transiro de adjektivo al verbo aŭ reciproke povas esti ĉu aktiva ĉu pasiva. Oni do ne povas diri *beli* sed ĉu *beligi* ĉu *beliĝi*. Kontraŭe adjektivojn kaj verbojn oni povas derivi senpere el substantivoj aŭ reciproke ĉar en Esperanto la finaĵoj estas veraj sufiksoj *(pora* = *por- kvalit*. *fama* = *fam- kvalit)*. (A.)

pekas tiuj kiuj proponas uzi la sufikson *oz* nur kun materia ideo[1], ne kun mentala : ekz. kial akcepti *poroza*, sed ne *famoza* aŭ *kuraĝoza*[2]!]

Inverse oni ne povas derivi senpere el adjektivo la substantivon, kiu signifas la kvaliton : *belo* = ulo bela, kaj ne la beleco. Tie oni faras gravan eraron, dirante, ke adjektiva radiko esprimas kvaliton : ne, ĝi esprimas individuon (objekton), kiu posedas la kvaliton[3]. Oni diras : Sokrato estas saĝa, same kiel Sokrato estas Atenano[4]. Per tio oni asertas (ĉiu logikisto tion scias bone) ke Sokrato apartenas al la klaso de la saĝoj, aŭ de l'Atenanoj[5]. La kvalito estas alia ideo, nome la ideo : « esti tia »; kaj same kiel *esti bela* = *bel-esti*, kaj ne *beli*, la fakto « esti bela » estas *belesto*, kaj ne *belo*. [Tie ĉi ni povas kontraŭmeti al Antido la ekzemplon (tiuokaze logika) de ĉiuj niaj lingvoj. Ĉu estas do tute neutila kaj sensenca la sufikso, kiu troviĝas sub diversaj formoj en la vortoj : G. *Schön-heit*, A. *ill-ness*, F. *rich-esse*, I. *bell-ezza*, H. *riqu-eza*, kaj en L. : *-itatem*, *-itudinem*[6], ktp.? Vid. : *La langue internationale et la science*, p. 39, Paris, Delagrave, 1909; sama verko en Angla, Germana kaj Sveda eldonoj).] *Belo* esprimas nur la ideon *bela* substantivigita, t.e. *bela ento*. Nun, se la ento estas virinseksa, oni diros *bel-ino*[7]; se ĝi estas materiajo, oni diros *bel-ajo*[8];

[1] Mi neniam proponis uzi sufikson *oz* nur kun materia ideo kaj ne kun mentala, sed mi diris ke en Esperanto la sufikso *oz* havas specialan sencon, dum en Ido ĝi estas uzata jen por montri nur la adjektivan ideon, jen por montri specialan ideon : I. *famoza* = Esp. *fama* dum I. *homoza* ne estas Esperanto *homa* sed *homplena*, kaj tio ne plu estas ĝenerala ideo sed speciala. (A.)

[2] En Esperanto la sufiksoj *oz* kaj *iz* ne estas ĝeneralaj sed specialaj sufiksoj. *Oz* signifas : kiu havas multajn partojn intersimilajn, do *pora* = *por-kvalit*, dum *poroza* = *plena je poroj*. *Famoza* ne taŭgas kaj estas kontraŭa al ĉiuj naturaj lingvoj, kiuj esprimas per unu sola sufikso samtempe la adjektivan ideon kaj la adjektivan rolon : *fam-a* = F. *fam-eux*, kaj ne *fam-oz-a* en tri partoj. (A.)

[3] La radiko *bel* ne esprimas kvaliton sed ideon « kvalitan », tute same kiel radikos *krib* ne esprimas agon sed ideon « agan », do ĉar en Esperanto la senco de vorto dependas nur de tio kio estas entenata en la vorto, *belo* signifas *kvalito bel* tute same kiel *skribo* signifas *ago skrib*. Se *belo* montrus ne la kvaliton sed ĝian posedanton, oni estus devigata starigi arbitran regulon par decidi ĉu *belo* signifas *bela persono* aŭ *bela materiajo*. Plie, se *belo* signifus *bela homo*, tiam adjektivo *bela* signifus ne *belkvalit*, sed *belhomkvalit*, kaj tiam *bela tablo* = « tablo kiu posedas kvaliton de bela homo ». (A.)

[4] Tie ĉi denove S^ro^ C. elektas adjektivon en formo de atributo . *Sokrato estas saĝa* signifas *Sokrato estas saĝa homo* (aŭ *saĝ-ulo*, ĉar *saĝg* = *saĝ* kaj *hom* = *ul*). (A.)

[5] Tie ĉi kuŝas precize la kerno de la demando : se radiko *saĝ* estos klasita kiel substantiva, tiam ĝi entenas en si mem la ideon de persono (kategorio de personoj) kaj ĝi ne plu entenas ideon kvalitan; kontraŭe se radiko *saĝ* estos klasita kiel adjektiva, tiam ĝi entenos ideon kvalitan kaj ne plu entenos ideon de persono. Pri la elekto inter unu aŭ alia solvo, oni povus senfine diskuti, tute same kiel oni povus senfine diskuti ĉu radiko *bros* entenas en si mem ideon de ago aŭ ideon de materiajo. Nur arbitra elekto povas fine solvi la demandon, sed la teorio mem de derivado tute ne dependas de tiu elekto; krome tiu elekto estas arbitra nur por malmultaj radikoj, nome por la radikoj kvalitaj kiuj povas rilati nur al personoj; por ĉiuj aliaj, kiel *bel*, *grand*, *fort*, ktp., ekzistas nenia dubo ke ili estas adjektivaj, ĉar oni povas diri tiel bone *granda tablo* kiel *granda homo*). (A.)

[6] Tie ĉi S^ro^ C. denove forgesas ke la Esperantaj finajoj *ankaŭ estas sufiksoj* kaj en mia jus aperinta broŝuro « Teoria ekzameno de la lingvo Esperanto » (Antaŭparolo), mi detale montris ke en la francaj vortoj *grand-eur*, *rich-esse*, la ideo kvalita estas entenata ne en la sufiksoj *eur*, *esse*, sed en la radikoj *grand*, *rich*, (pro tio ke ili estas adjektivaj). La sufiksoj *ité*, *eur*, *esse*, entenas nur la ĝeneralan substantivan ideon de ajo abstrakta. Do F. *ité* = *eur* = *esse* = Esp. *o* (*grand-eur*, *grand-o*). (A.)

[7] Se *belino* = *ino bel*, tiam *belo* = *o bel*, kaj *o* povas montri ĉu personon, ĉu materiajon, ĉu abstraktajon. El tiuj tri sencoj oni devas elekti la abstraktan, ĉar ĝi estas la sola jam entenata en la radiko *bel* pro tio ke *bel* estas adjektivo kaj entenas en si mem ideon kvalitan do, abstraktan. (A.)

[8] Anstataŭ diri *belo* por *bela homo* kaj *belajo* por bela materiajo, oni povus tiel bone diri *belulo* por *bela homo* kaj *belo* por *bela objekto* kaj tio estus pli logika, ĉar persono ankaŭ estas objekto, dum objekto ne ĉiam estas persono. Sed ĉar radiko *bel* enhavas ideon *ec*, oni vidas ke *belul* = *ec-ul*, *bel-aj* = *ec-aj* kaj *bel-ec* = *ec-ec* = *bel*, do la sola logika sistemo estas : *belulo*, *belajo*, *belo* (= *beleco*). (A.)

do oni povas sen maloportuno uzi *belo* por diri : *bela viro*. Se oni rifuzas al ni tiun rajton, tiam mi demandos, kial *hundo* montras la virseksulon de *hundino*, kaj ne havas specialan sufikson de virsekseco [1]! [Ĉar la radiko *vir* havas alian sencon, kaj rilatas la homan specon, *virbovo* ne estas taŭro, sed... Minotaŭro! aŭ se la « viroj » povas esti bestoj, tiam... la « virinoj » ankaŭ » [2]!]

Estas do duobla kulpo uzi sufikson por derivi el adjektivo substantivon *samsenean*, kaj ne uzi sufikson por derivi el ĝi la nomon de kvalito kiu havas *alian sencon* [5]. Por konstati la absurdo de tiu procedo, sufiĉas kompari la du seriojn : *vidva, vidvo, vidveco: bela, belulo, belo* [4] [vidu kiom la logiko estas forta! Mi diris en *Studo pri la derivado* (ĉap. II, I, par II.) ke « por esti perfekte logika, oni devus nur diri : *Franculo, Anglulo*, kaj nomi Esperanto mem... *Esperantulo!* » Nu, unu el viaj aprobantoj preferas precize *Franculo, Anglulo* [5]. Restas do nur ŝanĝinda la nomo de Esperanto! Ĉar pro kio *ul* estas malpli necesa kun participoj ol kun adjektivoj [6], aŭ

---

[1] Komprenekle S^ro C. havas la rajton uzi la vorton *belo* por diri *bela viro*, sed tiam li ne plu havas la rajton diri ke en Ido la senco de la vorto estas montrata per la vorto mem, ĉar se oni klasus radikon *bel* inter la radikoj substantivaj (grupo *ul*), tiam la ideo de persono estus entenata en la radiko *bel* mem, do ankaŭ en la adjektivo *bela;* sed tia farmaniero estas neebla ĉar en la esprimo *bela tablo* ekzistas nenia ideo de persono; S^ro C. do nepre bezonas arbitran regulon por fiksi la sencon de *belo* kaj ankaŭ por decidi ĉu *belo* signifos *bela homo* aŭ *bela objekto*. — La diferenco inter *belo* kaj *hundo* estas precize ke radiko *bel* estas adjektiva dum radiko *hund* estas substantiva (grupo ul). Do, radiko *hund* entenas en si mem ideon de « tuto viva », sed ni ĵus vidis ke oni ne povas klasi radikon *bel* inter substantivoj (grupo ul). (A.)

[2] S^ro C. pritraktas tie ĉi demandon tute fremdan, nome ke en Esperanto mankas speciala vorto por traduki la francan vorton *mâle*. Kiam tiu vorto estos nepre bezonata en Esperanto, nenio estos pli facila ol enkonduki tian vorton en la lingvon. (A.)

[5] La fakto ke la kvalito havas alian sencon pruvas nenion ĉar en Esperanto, la finaĵoj ankaŭ havas sencon, tute same kiel sufiksoj. Plie, se *granda homo* estas samsenca kiel *granda*, tiam *granda aĵo* estas ankaŭ samsenca kiel *granda*. ĉar la posedanto de kvalito *grand* povas esti tiel bone *tablo* kiel *homo* do, se oni ne devus uzi sufikson por la unua posedanto, oni ankaŭ ne devus uzi sufikson por la dua, kaj tamen S^ro C. diras ke *granda homo* estas *grando* (sen sufikso), dum *granda tablo* estas *grandaĵo* (kun sufikso). (A).

[4] Tio tute ne estas mallogika kaj simple montras ke en Esperanto radiko *vidv* estas klasita kiel substantivo (grupo ul); oni do havas *vidvo, vidva, vidveco* kiel *homo, homa, homeco;* radiko *bel* kontraŭe estas klasita kiel adjektiva. S^ro C. ĉiam elektas ekzemplojn ŝajne konformajn al lia teorio, sed pro la arbitreco de la klasado de l'radikoj, estus facile trovi en la Idaj vortaroj similajn ekzemplojn de ŝajna mallogikeco ekz. en Ido *forto* signifas *forta homo*, dum *nigro* signifas *aĵo nigra* (Fr. *le noir*), do *nigra homo* (kio ne estas *negro*) povas esti nur *nigrulo*. S^ro C. mem diris ke en ĉiu vortfamilio la pravorto povas esti arbitre elektata, ekz. oni povas diri ĉu *profeti, profetisto*, ĉu *profeto, profetesti* (E. *profeti*). Tio estas nur demando pri oportuneco sed ĉiu okaze tiu demando estas nur flanka demando. (A.)

[5] La formoj *Franculo, Anglulo*, ne estas mallogikaj, kondiĉe ke la radikoj *Franc, Angl,* estus klasitaj kiel adjektivaj. .u oni ne diras en Angla lingvo, *Frenchman, Englishman*. Sed preferinde estas klasi tiujn radikojn kiel substantivajn, ĉar ili montras pli kategorion da personoj ol kvaliton ; do *Franca, Franco, Franceco* estas preferinda je *Franculo, Franca, Franco*. (A.)

[6] Mi profitos tiun ĉi okazon por korekti erareton en mia franclingva broŝuro « La construction logique des mots en Esperanto » : mi diris tie ke substantivigitaj participoj ĉiam montras personon : tio estus arbitra regulo same kiel la Ida regulo laŭ kiu adjektivo substantivigita montras personon. En Esperanto la senco de vorto kuŝas en la vorto mem, sed ekzistas diferenco inter adjektivo kaj participo. Adjektivo estas pure kvalita dum participo entenas ideon samtempe kvalitan kaj agan. Do, ĉar laŭ principo de unusenceco, ĉiu vortatomo devas enteni nur unu ĝeneralan ideon, ni devas akcepti ke en participo *parolanta* (aŭ *kronanta*), la ideo aga estas entenata en la verba atomo *ant*, dum la ideo adjektiva estas entenata en finaĵo *a*. De tio sekvas ke adjektivo *parolant-a* estas simila je adjektivo *hom-a :* se oni volas substantivigi tiun adjektivon, konservante la ideon kvalitan *a*, oni ricevas *parolant-a-o* (= *parolanteco)* aŭ *hom-a-o (homeco);* kontraŭe se oni volas substantivigi tiun adjektivon ne konser-

eĉ kun aktivaj participoj (*parolanto*) ol kun pasivaj (*konatulo*)?] Nu, tiaj kontrastoj aperas tre ofte en Esperanto (mi parolas pri Esperanlo Zamenhofa, laŭfundamenta [1]); do ĝi kondamnas sin mem per siaj nelogikajoj, ekster ĉia logika teorio. Ĝi havas nenian sistemon de derivado : ĝi estas senforma miksaĵo de reguloj aŭ prefere « uzoj » sin kontraŭdirantaj. Mi eltiris el ĝi la bonajn regulojn kaj sistemigis ilin; Antido, S[ro] Kolowrat kaj aliaj, preferas elekti kaj sistemigi aliajn regulojn, kiujn mi juĝas malbonaj, kaj kies nelogikecon mi montris. Ni ĉiuj egale reformas Esperanto, nur pli aŭ malpli bone, ĉar ĝi estas nedefendebla en sia ĥaosa stando. La legantoj juĝu, kiu sistemo estas la plej logika kaj ankaŭ la plej simpla kaj klara [2].

L. Couturat.

P.-S. — Oni rimarkos ke mi neniel diskutas tie ĉi la klasadon de la radikoj, ĉu en verbaj kaj nomaj (kiel en Ido), ĉu en verbaj, substantivaj kaj adjektivaj (kiel ĉe Antido); nek la diferencigon aŭ identigon de la radikoj kaj de la afiksoj: pro ke tiuj demandoj estas eksteraj kaj nedependaj de la logikaj principoj [3]. Sed, pro ke Antido asertas, ke en Esperanto (kaj nur en Esperanto) la senco de ĉiu vorto dependas nur de la vorto mem, mi demandos ke li difinu la sencon de la vorto *plumi*, kaj pruvu, ke tiu verbo havas tiun sencon, kaj povas havi neniun alian, laŭ liaj « logikaj » principoj [4].

L. C.

---

vante la ideon kvalitan, oni ricevas *hom-o*, en kiu *o* = *ul* (ĉar la ideo de persono troviĝas en radiko *hom*) kaj simile *parolant-o*, en kiu *o* = *ul* ĉar la ideo de persono estas jam entenata en la radiko. En kelkaj okazoj ekzistas dubo ĉu la vorto entenas ideon de persono aŭ ne; en tiuj okazoj la senco devas esti fiksata per la kunteksto, aŭ per la komuna uzado aŭ per la oficiala vortaro. Sed tiuj dubaj okazoj estas tre malofta kaj okazas nur ĉe kelkaj participoj en Esperanto, dum en Ido tiu dubo ne nur ekzistas ĉe participoj sed ĉe multaj adjektivoj substantivigitaj, kies senco estas fiksata nur per la vortaro (ekz. *forto* = *forta homo* dum *nigro* = *nigra ajo*, eĉ *rapido* = *rapida vagonaro !*). (A.)

[1] Se S[ro] C. parolas nur pri Esperanto Zamenhofa, laŭfundamenta, kial li pretendas ke la finaĵoj *a, o, e, i*, havas nur gramatikan rolon kvankam estas dirite en la 11[a] regulo de la fundamenta gramatiko ke : finaĵoj estas memstaraj vortoj. (A.)

[2] Mi ankaŭ deziras ke la leganto juĝu kia sistemo estas la plej logika, la plej simpla kaj klara, post atenta legado de la respondoj, kiujn mi faris al la kritikoj de S[ro] C. pri la Esperanta sistemo de derivado. Oni rimarku precipe ke mi ne simple prezentis la teorion de S[ro] C., kaj poste respondis nur al kelkaj punktoj elektitaj de mi, lasante la aliajn nerespondLitaj, kiel faris S[ro] C. en jurnalo « Progreso », (dediĉante ekzemple nur unu linion por pruvi ke la gramatikaj finaĵoj ne povas (!) enteni en si mem ideojn, kvankam lia kritiko de Esperanto, kiu pleniĝas tutan volumon, dependas de tiu ĉi aserto) sed mi respondis sisteme al ĉiu aparta argumento de la letero de S[ro] C., kaj ĉar tiu letero estas plena resumo de lia sistemo de derivado mi konsideros tiun ĉi respondon kiel lastan respondon miaparte. (A).

[3] Mi jam montris ĉi supre ke la Idaj reguloj de derivado dependas de la klasado de la radikoj, ĉar diri ke sukstantivo enhavas ideon de stato aŭ ago estas same kiel diri ke la radiko de tiu substantivo estas verba; diri ke adjektivo substantivigita montras personon, havas nenian sencon se oni ne scias kiuj radikoj estas adjektivaj kaj kiuj ne estas adjektivaj, ktp. — Koncerne la diferencon inter radikoj kaj afiksoj, mi kontraŭe diris ke ekzistas nenia diferenco inter radikoj, afiksoj kaj finaĵoj, escepte la ĝeneraleco de la ideoj kunrespondantaj al tiuj tri kategorioj. (A.)

[4] Pri la vorto *plumi* la respondo estas tute facila : 1[e]) la radiko *plum* havas du sencojn (*skribplumo* kaj *birdplumo*). Mi ne supozas ke S[ro] C. volas paroli tie ĉi pri *skribplumo* do mi prenas *plum* en la senco de *birdplumo*.

2[e]) En tiu senco la vorto *plumi* ne estas konstruita laŭ la du principoj de neceso kaj de sufiĉo, ĉar *plumi* signifas « fari agon rilatan al ideo plum » kaj ekzistas *du* tiaj agoj, *plumizi* kaj *senplumigi*; do tie ĉi la aldono de specialaj afiksoj estas *necesa* por eviti konfuzon, sed en vorto *kroni* ekzistas nenia dubo pri ĝia senco. En Franca lingvo ankaŭ oni havas la du formojn *emplumer* kaj *déplumer*, dum oni havas nur unu formon por *couronner*.

3[e]) Se *plum* havus la sencon de *skribplumo* tiam *plumi* signifus *skribi*, ĉar la serio *plum*, *plumi* estas reciproka je *skrib*, *skribil*. Sed en ĉiuj lingvoj oni uzas apartan radikon por *skribi*, precize ĉar la radiko *plum* havas du sencojn kaj ĉar oni povas skribi ne nur per plumo sed per krajono aŭ alia skribilo. (A.)

## Lastaj recenzoj pri teorio de Antido.

El « Germana Esperanto-Gazeto » :

Simile S^ro « Antido » starigas la du principojn de neceseco kaj sufiĉeco ; ĉiu vorto devas enhavi la elementojn, kiuj estas bezonataj por esprimi la ideon ; sed vorto ne enhavu nebezonatan balaston. La dua principo kondukas al tute nova percepto : oni neniam fleksias aŭ plilarĝigas la vortojn en Esperanto, sen sentado de la ideo, kiu jam sufiĉe estas entenata en la radiko mem. Deveninte de la verbo « kuri » oni sentos la ideon de agado ankaŭ en la substantivo kuro, kaj pro tio oni ne ĉiam esprimos la saman ideon per « kurado » ; deveninte de la verbo « kroni », oni tamen, aŭdante aŭ formante la vorton *krono*, tuj sentos la ideon de bela, multevalora objekto ; pro tio oni substantivigos la agadon mem nur per la vorto kronado. Poste, respondante al riproĉoj, S^ro Antido montras en « Int. Sc. Revuo », ke ankaŭ aliaj sistemoj ne sukcesas pritrakti ĉiujn vortradikojn laŭ nur unu formala skemo ; en Ido, ekzemple, la *forto* kaj la *grando* estas : forta homo, granda homo ; sed la *nigro* ne estas homo, sed objekto ! — En la sama gazeto S^ro Antido trovas la ĝustajn vortojn por klarigi la delikatan diferencon inter « bono » kaj « boneco », « vero » kaj « vereco ». « Mi pruvas la verecon de ia ideo » t. e. « mi pruvas, ke la ideo estas vera ». « Mi aprobas la veron de la ideo », t. e., « mi aprobas tion, kion la ideo entenas da vera enhavo ». Per la vortoj « boneco » aŭ « vereco » mi indikas la ĉefan karakteron aŭ kvaliton de homo aŭ objekto, sed la « bono » esprimas arbitran kvanton da bonaĵo, da boneco, aŭ specialan trajton de boneco.

Nur tre malofte S^ro Antido mem troigas la plisimpligadon kaj transpaŝas la limon praktikan. Tre prave li ne ŝatas la formojn balde, morge, hiere ; « ĉar ili ne pentras, kiel la adverboj derivitaj, ian manieron de agado ». Sed li volas permesi vortojn kiel la « balda » sukceso, la « morga » tago. Sed post tio la aprobo de balde, morge ja fariĝus neevitebla. Bone, ke nia fundamento klare esprimas la diferencon inter vortoj de maniero kaj vortoj de cirkonstanco. — Grava eraro estas la rekomendo de junino, belino, anstataŭ junulino, belulino ; ĉar junino, belino ankaŭ povus esti bestoj ; ino nur indikas vivan estaĵon de la naskema sekso ; tion pruvas « bovo, bovino ». Oni ne riproĉu, ke ankaŭ « ulo » povas esti besto : « duhufulo » ; eĉ objekto : « kvarmastulo ». Tie la silabo « ul » nur servas bilde kaj simbole. Kaj nun la fino de la verko de S^ro Antido ! Tie la inklino al skemigado, kiun li tiom forte kaj ŝaĝe kontraŭbatalis, plej fatale kaptas lin mem ! Li tute serioze proponas, ke la vortaroj esperantistaj ĉe ĉiu vortradiko indiku la lingvan karakteron aŭ de verbo, aŭ de substantivo k.t.p. Tie li fakte postulas tion, kion li forigis komence per la pruvo, ke bezono ne povas esti konstatata ; ke, kontraŭe, laŭ la ĉefa, facile komprenebla signifo de la vortradiko mem aŭtomate kaj perfekte funkciados la plua derivado. Eĉ se fakte dum kelkaj jardekoj la uzado de armo aŭ armilo, broso aŭ brosilo iomete restus alternonta kaj ŝanceliĝonta, tio ne ĝenus la konsekvencon de nia stilo ; ĉiu aŭtoro por si mem senreste estos komprenebla kaj fine la pli bona el du manieroj internacie estos akceptata. Tion atestas la ĝisnuna sperto, tion eĉ pruvas logika pripensado. Mi nur citu tie la belan parolon de nia eminenta samideano Ludwig Schiff en Berlin : « Egale kiel natura kreskaĵo, kiel besto aŭ vegetaĵo ne daŭre povus akcepti membrojn de ia arbitra formo ; egale kiel arbo ne povas burĝonigi arbitrajn florojn aŭ maturigi arbitrajn fruktojn : egale nia lingvo neniam variiĝos ĝis ektera aspekto, kiu estos kontraŭa al la interna deviga determinado per la propra ĉefa organizaĵo de la lingvo Esperanto ». Tro granda zorgo nur estus malutila. Tro intima reguligado nur ĝenus nian prosperon. Fundamento fiksita kaj evoluado libera — jen la kaŭzo kaj garantio de nia potenco.

H. Mangelsdorf.

*Respondo.* — Pri la formoj *junino*, *belino*, ktp. mi jam respondis pli supre. — Pri la formoj *balda, morga*, la aprobo de tiaj formoj tute ne kondukus al aprobo

de *balde*, *morge*, ĉar *balda*, *morga* estus adjektivo de *bald*, *morg*, kiel *nuna* estas adjektivo de *nun*. La finajo *aŭ* entenas en si mem nenian ideon kaj povas esti konsiderata kiel eŭfonia finajo uzota kun adverbaj radikoj kiam la radiko nuda ne estas facile elparolebla.

Pri la klasado de la radikoj, jes, mi « tute serioze proponas ke la vortaroj indiku la gramatikan karakteron de la radikoj ». Kaj S^ro^ Mangelsdorf ankaŭ faras la samon kiel mi : li nur uzas esprimojn pli popolajn, dum mi provis esprimi mian penson laŭ scienca maniero. S^ro^ M. diras : « deveninte de la verbo *kuri* oni sentas la ideon de agado ankaŭ en la substantivo *kuro* ; deveninte de la verbo *kroni*, oni tamen aŭdante la vorton *krono*, tuj sentos la ideon de bela, multevalora objekto.... » Oni ne povus pli bone klarigi la instinktan rezonmanieron de la Esperantistoj, sed en scienca lingvo tio signifas ke radiko *kur* estas verba, dum radiko *kron* estas substantiva.

S^ro^ M. aldonas : « eĉ se fakte dum kelkaj jardekoj la uzado de *broso* aŭ *brosilo* iomete restus alternonta kaj ŝanceliĝonta, tio ne ĝenus.... kaj fine la pli bona el la du manieroj estos akceptata ». Pri tio mi konsentas, sed tio ne ŝanĝas la teorion, ĉar *fine* unu el la du formoj estos definitive akceptata, do fine la gramatika klaso de tiuj vortoj estos ankaŭ fiksita.

A.

* * *

## Rimarko pri la recenzo de la teorio de Antido en jurnalo « Progreso »:

S^ro^ Couturat skribis al mi ke mi ne bezonas respondi al lia kritiko de la teorio de Antido, kiun li publikis en « Progreso », ĉar li resumis ĉiujn siajn kritikojn en sia « Nova respondo » represita ĉi supre.

Efektive, mi kredas ke mi respondis al ĉiuj kritikoj de S^ro^ C., ĉu en la « Scienca revuo », ĉu en mia broŝuro « Teoria Ekzameno de Esperanto ». Nur unu punkton mi deziras respondi ankoraŭ pli klare, kvankam ĝi estas jam pritraktita en la dirita broŝuro (p. 114 piednoto) : S^ro^ C. diras en decembra numero de « Progreso », ke mi malsekvas la principon de unusenceco donante al la substantiva finajo *o* du malsamajn sencojn (*ul* kaj *aj*), kaj eĉ tri sencojn (*ul*, *aj* abstrakta kaj *aj* materia).

Tio ne estas plursenceco, ĉar finajo *o* povas havi *nur unu* el tiuj tri sencoj kaj la vorto mem montras, kiu senco devas esti elektata. Ekzemple kun substantiva radiko aŭ sufikso : *homo*, *grandulo*, (*o* = *ul*), *scienco* (*o* = *aj* abstrakta), *sukero* (*o* = *aj* materia) ; kaj kun nesubstantiva radiko aŭ sufikso, *o* = *aj* abstrakta, ĉar la ideo (kvalita aŭ aga) entenata en adjektivaj aŭ verbaj radikoj estas ĉiam abstrakta : *grando*, *trinkemo*, *skribo*, *beligo*.

A.

* * *

## El letero de Prof. Peano (Torino) al Antido :

Mi legis en n^o^ 34^a^ de « Progreso » la aldonon rilatan al vi : la vorto *logikala* konsistas el Gr. *log*-, Gr. *ico* kiu montras adjektivon, L. *-al* sufikso latina kiu montras adjektivon, kaj *-a* sufikso Esp. kiu montras adjektivon. La ideo adjektiva estas do montrita 3-foje. — Kie Ostwald esprimis sian principon ? La aŭtoro konkludas el ĝi, ke oni ne devas ripeti en verbo la ideon de nombro, nek de la persono. Mi konkludas, ke ni devas skribi 2 *homo* kaj ne *du homoj*, ĉar la ideo pluraja jam estas esprimata per 2, kaj ni devus ankaŭ skribi *hom*, *grand*, *skrib*, kaj ne *homo*, *granda*, *skribi*.

Couturat asertas, ke interŝanĝo de la finajaj vokaloj neniel modifas la sencon de la vorto ; do *granda* kaj *grando* havas saman valoron, kiel ankaŭ *dormi*, *dormo*. Do, *kiu estas* = *o*, ĉar *belo* = *kiu estas bela* aŭ *bela* = *kiu estas belo*, signifas ĉiam *bela* = *belo*. Mi jam montris identecon de *ami* kaj *amo* en Ido en Dis. paĝ. 156. La finajoj *-a*, *-o*, *-ar* de Ido estas elementoj tute senvaloraj, kiujn oni povas aldoni kie oni volas, laŭ arbitro de la skribanto ; diskutoj pri ties uzo estas divido de nenio laŭ pluraj kategorioj. Ĉiuj malfaciloj malaperas se ni imitas la Latinan lingvon, aŭ iun ajn naturan lingvon (L. *aur-eo* = *ex auro*, *hum-ano* = *ut homo*, *de homo*, ktp., L. *examin-a* = *fac examen*, *vari-a* = *fac vario*, ktp.).

Mi opinias, ke via sistemo de derivado *-o*, *-a*, *-i* estas ĝusta, kaj ĝi estus anko-

raŭ pli klara se vi forigus tiujn finajojn kiam ili estas nenecesaj *(hom, grand, skrib)*, ĉar tiam ili kaŝas la regulan derivadon [1]. (Trad. el *Interlingua*).

* *
*

El « Juneco »:

*La logika bazo de Vortfarado en Esperanto.* De antaŭ kelkaj jaroj multaj fidelaj Esperantistoj, kiuj energie defendis nian lingvon pro praktikaj kaŭzoj, bedaŭris, ke, de la lingva teoria vidpunkto, neniu respondis niajn kontraŭulojn; ili eĉ eble dubis pri nia lingva supereco. Antido ne nur montras, ke Esperanto povas esti teorie ĝustigata, sed, ke tia ĝustigo eĉ malkovrigas mirindan superecon sur ĉiuj aliaj proponitaj sistemoj. Tie resumi tian verkon estas neeble; ĝin devas legi kaj *lerni* ĉiu vera Esperantisto; ni ne timas diri, ke ĝi estas admirinda. Ĝustatempe ĝi aperas por montri al la Esperantistoj la vojon, egale inter la lingva blinda revolucio kaj la fanatika konservemo. Neniam oni povos tro danki al la anonima, sed bone konata aŭtoro. — Ferdinand Duviard kaj René Ch. Pichon.

* *
*

Pri recenzo de Prof. Pfaundler en « Idano »:

En la oktobra numero de jurnalo « Idano », prof. L. Pfaundler ankaŭ faris kritikon de mia teorio pri konstruo de vortoj en Esperanto. Ĉar tiu kritiko estas iom longa kaj ankaŭ pritraktas flankajn demandojn, kiel tiun de la supersignoj, ktp., mi ĝin ne represigos tie ĉi, sed nur respondos al la kritikoj, kiuj laŭ mi estas malĝustaj.

1e) Sro P. diras: « la aŭtoro penas savi la logikecon de Esperanto per du principoj (neceso kaj sufiĉo), sed li sukcesas nur pro tio ke li malobeas la Fundamento ». Tiu frazo enhavas do implicite, ke mi *sukcesis* pruvi la logikecon de Esperanto. Nu kia estas tiu malobeo al Fundamento? Ĝi estas simple ke mi donis al sufikso *ad* la sencon de « ago » prefere al tiu de « daŭro en ago ». Por mi tiu demando estas tute sen intereso, ĉar mi studis la lingvon Esperanto en ĝia literaturo, kaj ne en la Fundamento; kaj laŭ teoria vidpunkto estas al mi tute egale ĉu oni reprezentas la « ago » per sufikso *ad* aŭ per alia sufikso. Sed por respondi al Sro P., mi diros ke la rolo de la Akademio Esp. estas precize reguli kaj konstati la novajn formojn enirintajn en la lingvon, kaj oni ne povas nei ke sufikso *ad* jam de longe estas uzata por montri « agon ». Tio ankaŭ montras ke la ĝenerala uzado ne faras la lingvon pli mallogika, sed kontraŭe pli logika: la lingvo bezonis ĝeneralan verban sufikson kaj ĝi prenis tiucele la sufikson *ad* kiu estas tute taŭga ĉar ĝia primitiva difino (daŭro en ago) jam entenis la du ĉefajn verbajn ideojn (ago kaj stato).

2e Sro P. ankaŭ pretendas ke « mi aldonis novan signifon al finaĵo *o* ». Kontraŭ tiu aserto mi energie protestas: mi diris, finaĵo *o* = sufikso *ul* aŭ sufikso *aj* (abstrakta aŭ materia), per aliaj vortoj finaĵo *o* reprezentas ĉu estulon, ĉu estaĵon, kaj tio estas tute konforma al la difino donita de Zamenhof en la fundamenta Krestomatio, en kiu li diras *o = kio estas*.

Mi ne scias kie Sro P. trovis « ke *laŭ ĉiuj Esperantaj gramatikoj, finaĵo o signifas la agon aŭ la staton* » *!!!* Verŝajne Sro P. faras tie ĉi konfuzon (ago aŭ stato estas montrata ne per atomo *o* sed per molekulo *i-o*).

3e Pri la vorto *krono*, mi jam sufiĉe ofte pruvis la logikecon de la vortserio: *kron, kroni, kronio (= kronado)*.

4e Sro P. diras ke mi nur ludas je vortoj anstataŭante « derivado » per « konstruo del 'vortoj ». Efektive, mi ne pretendas ke Esperanto ne havas sistemon de derivado, sed tiu sistemo de derivado estas, kiel en la naturaj lingvoj, *rezulto* de la konstrumaniero de la vortoj, dum en Ido la reguloj de derivado estas *antaŭfiksitaj* kaj helpas fiksi la sencon de la derivitaj vortoj. En Esperanto kontraŭe la senco de la vortoj dependas nur de ilia enhavo kaj de la klasado de la radikoj.

5e Pri tiu klasado mi jam diris ke ĝi

[1] Pri tiu ĉi lasta punkto mi jam respondis, p. 25. — Pri la vorto *logikala* mi konsentas ke la adjektiva ideo estas montrata dufoje, sed ne trifoje, ĉar en Esp. kaj Ido *logik* estas simpla radiko (atomo). La etimologio de la vorto ne ludas rolon en la logika konstruo de la vortoj. (A.)

estas pli malpli arbitra. Mi mem preferus, kiel S^ro P., klasi radikon *bros* inter la verbaj radikoj kune kun radiko *komb*; sed tio estas nur detala flanka demando, kiu tute ne tuŝas la teorion mem de la vortfarado.

6^e Pri la sufiksoj *oz* kaj *iz*, mi plurfoje klarigis ke tiuj sufiksoj havas en Esperanto sencon alian ol tiu, kiun ili havas en Ido. En Esperanto ili estas nur *specialaj* sufiksoj kun speciala senco, dum en Ido ili estas uzataj por esprimi la ĝeneralan ideon adjektivan *(famoza)* aŭ verban *(kronizi)*. (A.)

## Konkludo pri la similo inter reguloj pri derivo kaj reguloj pri elparolo.

Unuavide ŝajnas ke artefarita lingvo kiu posedas regulojn de derivado estas supera kaj pli preciza ol lingvo en kiu la senco de la vortoj estas fiksata per la vorto mem.

Tia opinio estas tute malĝusta! Se oni demandus al iu ajn : kia artefarita lingvo estas la plej bona, tiu kiu havas alfabeton fonetikan aŭ tiu kiu havas alfabeton nefonetikan? Ekzistas nenia dubo, ke oni respondus : « *Tiu lingvo estas la plej bona, kiu havas alfabeton fonetikan* ».

Nu, ekzistas plena simileco inter elparolado bazita sur alfabeto fonetika kaj derivado en kiu la senco de l'vortoj estas fiksata nur per la senco de la diversaj partoj de l'vorto; ĉar kiam lingvo posedas alfabeton fonetikan, la elparolo de ĉiu vorto dependas nur de la elparolo de la diversaj literoj kiuj formas la vorton. Kontraŭe, se lingvo ne posedas alfabeton fonetikan, la elparolo de la vortoj dependas ne nur de la literoj formantaj la vorton sed de arbitraj reguloj de elparolado, ĉar la sama litero havas jen iun sonon, jen alian ; same se la senco de la vortoj ne estas fiksata per la senco de ĝiaj diversaj partoj (kaj nur per tio), oni bezonas arbitrajn regulojn de derivado, kaj tiam la sama radiko ne ĉiam konservas la saman sencon. Ekzemple en Ido la radiko *grand* estas pure kvalita en adjektivo *granda* dum en substantivo *grando* tiu sama radiko enhavas ideon de persono krom la ideo kvalita. Tio estas tute simila al elparolo de litero *g* en lingvoj kiuj ne havas alfabeton fonetikan : tiu litero estas elparolata *g* antaŭ vokaloj *a, o, u* (F. *gant*) kaj *ĝ* antaŭ vokaloj *i, e,* (F. *girafe*).

La supereco de la derivado en Esperanto je la derivado en Ido estas do la sama kiel la supereco de lingvo kun alfabeto fonetika je lingvo kun alfabeto nefonetika, kaj mi senlace ripetos, ke la ĉefa diferenco inter la sistemo de Esperanto kaj tiu de Ido estas, ke en Esperanto la finaĵoj gramatikaj estas *sufiksoj* kiuj entenas en si mem ideojn (ideoj ĝeneralaj aŭ gramatikaj) dum en Ido tiuj finaĵoj montras nur la gramatikan rolon de la vorto. Nu la Esperanta sistemo estas konforma al la naturaj lingvoj, ĉar *fam-a* = F. *fam-eux*, *grand-o* = F. *grand-eur*, ktp., kaj la finaĵoj *eux*, *eur*, ktp. ankaŭ entenas ideojn (*eux* = *ec* = *a*, *eur* = *aĵ* abstrakta = *o*), dum la propono uzi finaĵojn, *a, o, i,* por montri nur gramatikan rolon estas *kontraŭa al la kutimoj de ĉiuj lingvoj* kaj S^ro Couturat bezonos pli ol *unu linio* por pruvi ke mi eraras pri tiu ĉi fundamenta punkto. Antido.

---

Al niaj legantoj ni komunikas, ke post la finiĝo de la artikolo de sinjoro Rollet de l'Isle, kiu necese forprenis de ni multe da spaco, ni ree publikigos artikolojn de komun-interesa enhavo. Ni povas sciigi vin, ke estis akirita por la afero de Esperanto sinjoro D^ro Alexander Graham Bell, *fama eltrovinto de la telefono, en Washington. Jam baldaŭ ni povos aperigi artikolon de ĉi tiu glora verkisto, en ISeR.*

Ni petas nian legantaron sendi al ni la abonpagon por ISeR (1911) — se ĝi ne ankoraŭ faris tion — kiel eble plej baldaŭ *post la ricevo de ĉi tiu numero*, kiu aperis iom pli malfrue, por ke oni antaŭe notu ĉiujn novajn, *feliĉe multnombrajn*, mendojn okaze la jarkomenco; se ni ne ricevis poŝtmandaton aŭ ĉekon, ni supozos la permeson, enkasigi la sumeton de Sm 2,750 — ekskluzive poŝtmono por la repago — *per poŝta repago kun la februara numero.*

Aldono al « SVISA ESPERO ». No. 1, Januaro 1911.

# Sepa Universala Kongreso de Esperanto

## ALIĜILO

La subskribint(in)o deziras aliĝi la Sepan Universalan Kongreson de Esperanto, okazontan en *Antverpeno* de la 20a ĝis la 27a de aŭgusto 1911. (Kotizaĵo: 5 Sm.)

Familia nomo ..................

Persona nomo (1) ..................

Profesio (2) ..................

Strato (1) kaj numero ..................

Urbo (1) ..................

Provinco (1) ..................

Lando (2) ..................

Li (Si) ankaŭ deziras ricevi:

— .......... ekzemplero(j)n de la ludota teatraĵo *Kaatje* (po 1 Sm.),

— .......... cento(j)n da kongresaj *reklammarkoj A* (po 0,40 Sm.),

— .......... cento(j)n da kongresaj *reklammarkoj B* (po 0.40 Sm.),

— .......... ekzemplerojn de la *poŝtkarto kun Esperanta plano* de la centra kvartalo de Antverpeno (po 0,02 Sm., kaj 0,02 Sm. por la poŝtelspezoj de ĉiu ekzemplero aŭ de ĉiu dekduo; — unu dekduo, afrankite: 0.22 Sm.),

— .......... ekzemplerojn de la *poŝtkarto kun la grupa portreto de l'geanoj de* **La Sepo por la Sepa** (po 0.02 Sm., kaj 0.02 Sm. por la poŝtelspezoj de ĉiu ekzemplero aŭ de ĉiu dekduo; dekduo, afrankite: 0.22 Sm.)

— .......... ekzemplero(j)n de la broŝuro *Antverpeno kaj la Sepa Universala Kongreso de Esperanto* (po 0.10 Sm.),

— .......... abono(j)n al **Belga Esperantisto** 1910/1911 Belgujo: po 1.60 Sm. Aliaj landoj: po 2 Sm.).

Li (Si) sendas ĉi kune per transpagilo (ĉeko, poŝtmandato) al la Sekretario-Kasisto de **La Sepo por la Sepa** .......... Sm.

Dato: ..................  Subskribo:

..................

(1) En nacia lingvo. (2) En Esperanto.

Oni bonvolu sendi la jenan aliĝilon al **S-ro D-ro W. VAN DER BIEST**, **Sekretario-Kasisto de LA SEPO POR LA SEPA, Minderbroedersrui, 76, ANTWERPEN (BELGIË)**. Poŝtrevene oni ricevos sian provizoran kongeskarton.

Paul SPAAK.

# KAATJE

KVARAKTA TEATRAĴO,

ludota dum la 7a Universala Kongreso de Esperanto, kaj

esperantigita de

**D-ro W. VAN DER BIEST.**

PREZO : **1** Sm.

Mendebla ĉe la tradukinto

**76, Minderbroedersrui, ANTWERPEN**

---

*ĴUS APERIS :*

## NE DEZIRITA

## NI VIRINOJ

DU SKIZOJ DE

**JOHANNA VAN WOUDE**

ESPERANTIGITAJ DE

**MARIA POSENAER**

PREZO : **0.24** Sm.

Mendebla ĉe la tradukintino **45, Kroonstraat Borgerhout (Antwerpen)**, kaj ĉe la Sekretario-Kasisto de **La Sepo por la Sepa**.

## Formortinta Delsuno

**(ZALIGER VAN ZON)**

DE

**René VERMANDERE**

ESPERANTIGITA DE

**Oscar VAN SCHOOR**

kun surlignaj gravuraĵoj de

**H. VAN OFFEL**

PREZO : **1** Sm.

Mendebla ĉe la **Centra Esperantista Belga Oficejo, 20, Vondelstraat, Antwerpen**, kaj ĉe la Sekretario-Kasisto de **La Sepo por la Sepa**.

Ĵus aperis :

# TEORIA EKZAMENO DE LA LINGVO ESPERANTO

de

## ANTIDO (2)

Havebla ĉe librejo Kündig, 11, Corraterie, Genève.
Prezo : 1 $.

Pri tiu broŝuro Antido 2, mi deziras fari la jenan deklaron por eviti ĉian malkompreniĝon : mi *ne* proponis ŝanĝon en Esperanto kaj kompreneble mi daŭrigos uzi kaj propagandi la Zamenhofan lingvon ; mi simple montris ke se oni ekzamenas kaj kritikas nian lingvon laŭ *scienca* vidpunkto, oni nepre *ne* alvenas al la konkludoj de Ido, sed oni alvenas ĉu al nuna Esperanto, ĉu al konkludoj de Antido 2, kiu donas la plej facilan manieron malaperigi la grave kritikatajn punktojn : la ortografio kaj la plurala finaĵo.

Sed mi konsentas, ke la scienca vidpunkto ne estas la sola [1], kaj kiel diris D^ro^ Zamenhof en Washington, pri tio povas decidi nur la registaroj aŭ la vivo mem. Mia broŝuro estas nur ilo por teoriaj diskutoj kun kontraŭuloj kiuj ofte pretendas al monopolo de la scienco.

ANTIDO.

* * *

Mi estas devigata fari la ĉi supran deklaron, pro kelkaj personoj, kiuj uzis mian nomon laŭ maniero kontraŭa al tio kion mi klare diris en la titolo (*Teoria* ekzameno) kaj en la antaŭparolo de la dirita broŝuro (p. 17) :

« Pri la oportuneco enkonduki tiujn ŝanĝojn en Esperanton mi ne volas diskuti, ĉar *mi celas nur teorian pruvon*. Esperanto apartenas al la Esperantista popolo, kies ano mi estas, sed nur unu ano. Se *iam* Esperantistoj devas voĉdoni pri tiaj demandoj tiam, kaj nur tiam, mi esprimos mian opinion.... sed mia ĉefa celo estis respondi al la teoriaj kritikoj de kelkaj sciencistoj kaj komercistoj, kaj montri al ili kiel facile oni povus transformi la ortografion de Esperanto *tiamaniere, ke malaperus ĉiuj tiuj kritikoj*. »

Mi ankaŭ diris p. 22 :

« Mi esperas ke oni nun komprenos, ke se *iam* la Esperantistoj (aŭ la registaroj) deziros modifi Esperanton, ili, konforme al kio estas dirita en la Fundamenta Krestomatio, ne bezonos fari novan lingvon, sed ili povos per tre malmultaj ŝanĝoj plenumi la postulatajn kondiĉojn, kaj konservi samtempe la karakteron kaj la ĉefajn ecojn de la lingvo ; kaj precipe ili devos konservi la nunan sistemon de derivado. »

---

[1] Mi eĉ diris en la Barcelona kongreso : « Ne per la scienculoj, ne per la teoriistoj fine venkos la L. I., sed per la popolo kaj por la popolo ». Mi ne ŝanĝis mian opinion, sed mi petas, ke siavice la popolo Esperantista ne kriegu, kiam scienculo aŭ teoriisto faras pri la lingvo Esperanto, studon pure lingvan kaj objektivan, neniel intencante komenci konkuradon kontraŭ Esperanto, sed kontraŭe respondi al aliaj sciencistaj konkurantoj.

* * *

Kelkaj personoj ankaŭ skribis al mi : « Vi kondamnis vin mem konfesante ke Antido 1 estis tre malsupera je Esperanto, ĉar kio pruvas ke la samo ne okazos pri Antido 2 ». Tiu argumento estas *polemika* sed ne *scienca*, ĉar Antido 2 devas esti juĝata per si mem.

Sed krom tio ekzistas fundamenta diferenco inter Antido 1 kaj Antido 2.

Same kiel Antido 1 neniam estus eldonita se Ido ne estus antaŭe aperinta, mi povas deklari ke Antido 2 estas verkita nur kiel komplemento al mia teorio pri la konstruo de la vortoj en Esperanto. Jen pro kio : oni ofte riproĉis al la Esperantistoj esti fanatikuloj kiuj strutmaniere ne volas aŭdi pri progreso kaj respondas nur per insultoj al la kritikoj de scienculoj ; nu kiel skribis S^ro Jean Borel en *Germana Esperantisto*, « al sciencaj kritikoj oni devas respondi per sciencaj argumentoj ». Mi do unue studis la plej gravan el ĉiuj kritikoj faritaj al Esperanto, nome la kritikon pri nia sistemo de derivado de la vortoj. Granda estis mia ĝojo, kiam mi trovis kaj pruvis ke la Zamenhofa sistemo de derivado estas supera je ĉiuj aliaj sistemoj ne nur laŭ praktika sed ankaŭ laŭ pure logika vidpunkto.

De tiu momento la situacio tute ŝanĝis, ĉar kiel mi diris en la antaŭparolo de mia nova broŝuro : *en ĉiuj estontaj teoriaj reform-projektoj de Esperanto la nuna sistemo de derivado nepre devas esti konservata.* Antido 2 do tute ne estas komparebla al Antido 1, ĉar projektojn similajn al Antido 1, aŭ Ido, Adjuvilo, ktp., oni povas elpensi senfine ; kelkaj estas pli bonaj ol aliaj, sed ĉiuj estas forĵetindaj ĉar ilia sistemo de derivado estas malsupera je tiu de Esperanto. Kontraŭe, koncerne la meĥanismon de la lingvo, Antido 2 estas nek supera nek malsupera je Esperanto, ĝi estas la sama. Do teoriaj projektoj kiel Antido 2 povas esti tre malmultaj ; oni povas eĉ diri ke Antido 2 estas la *sola* sistemo *teorie* akceptebla krom Esperanto, ĉar respondinte al la kritikoj koncerne la konstruon de la vortoj en Esperanto, restas esplorindaj nur la jenaj teoriaj kritikoj :

1^e *Pri la vortaro* oni ne bezonas paroli pri reformo subita, ĉar la vortoj perfektigindaj povas esti ŝanĝataj per vojo kontinua kaj senrompa. Oni ĉiam povas krei neologismon, la malnova vorto fariĝante arĥaismo. Tiaj ŝanĝoj estos tre malmultaj, se oni konsideras nur la utilajn ŝanĝojn kaj ne la lingvistajn amuziĝojn, kiel anstataŭigon de *ŝafo* per *mutono* aŭ aliajn similajn.

2^e *Pri la belsoneco* kaj oportuneco de la Esperantaj finaĵoj, oni povas fari neniajn kritikojn kontraŭ la gramatikaj finaĵoj *o*, *a*, *i*, *e*, *as*, *is*, *os*, *us*, *u*, *ant*, *int*, *ont*, *at*, *it*, *ot*. Pri la pluraĵo *j* kaj la akuzativo oni faris ofte kritikojn ; ekzistas do tie ĉi kelka dubo kaj oni rajtas ekzameni la diversajn solvojn teorie akcepteblajn ; mi ne vidas aliajn ol nuna Esperanto aŭ Antido 2.

3^e *Pri la alfabeto*, oni faris ankaŭ ofte kritikojn, sed ankaŭ tie ĉi restas fine nur *du* solvoj, al kiuj alvenis ne nur la granda plimulto de la partianoj de lingvo internacia, sed la geografiistoj kiuj studis la demandon pri la internacia transskribo de propraj nomoj. Unuflanke la Peterburga Akademio subtenas alfabeton identan al tiu de Zamenhof (kiu estas fonetike la plej bona), aliflanke la Brita Admiralaro subtenas alfabeton identan al tiu[1] de Antido 2 (kiu ne havas supersignojn).

Antido 3 do neniam aperos, ĉar pro tio ke oni devas konservi la nunan sistemon de derivado kaj pro tio ke oni devas atenti *ne la personajn preferojn sed nur la kritikojn faritajn de granda nombro da personoj*, ekzistas nun nur du solvoj *teorie* akcepteblaj : Esperanto Zamenhofa kaj Esperanto Antido 2. Sed *fakte* ekzistas nur Esperanto Zamenhofa ; ni do konservu ĝin tian, kia ĝi estas, sed sciante nun, ke se iam la Esperantistoj aŭ la registaroj deziras revizii la lingvon ni jam antaŭe konas la diversajn solvojn teorie akcepteblajn, kaj ni estas certaj ke ambaŭ solvoj estos tiel proksimaj unu al alia, ke oni neniaokaze estos devigata lerni novan lingvon.

Ne povas esti malutila por ni, havi en ŝranko rezervveston, tuj uzeblan en okazo de neceso, aŭ por respondi al kritikistoj.

Antido.

---

[1] Inkluzive *w* (= *ŭ*), sed ne *q* (= *k*). Efektive de post la apero de mia broŝuro, preskaŭ ĉiuj kritikistoj malaprobas *q* kaj kelkaj kritikas *w*. Mi do opinias, ke *q* estas forĵetinda, sed ne *w* se oni volas havi alfabeton fonetikan ; tamen oni povas permesi la laŭvolan uzon de *ŭ* aŭ simple *u* anstataŭ *w*.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

Sekretariejo : Prof. R. Paillot, *50, Rue Gauthier de Châtillon*, Lille (Francujo).

ESTRARO :

por 1909 - 1910.

*Honora Prezidanto :* D-ro L. L. Zamenhof, Varsovio (Rusa-Polujo). — *Prezidanto :* Prof. Ed. Huntington el Harvarda Universitato (U. Ŝ. A.). — *Vic.-prezidantoj :* G-alo Sebert, ano de l'Akademio de Sciencoj (Parizo); Prof. D-ro Köppen, ĉefmeteorologiisto de Germana nacia Mar-Observejo (Hamburgo); Prof. Villareal, rektoro de la Lima Universitato (Peruo). — *Ĝenerala Sekretario :* D-ro R. de Saussure, P-ta Docento ĉe la Ĝeneva Universitato, Ĝenevo (Svis.). — *2a Sekretario :* Prof. C. Bourlet, prof. ĉe Konservatorio de l'Artoj & Metioj, Parizo (Franc.). — *Kasisto :* D-ro Th. Renard, Ĥemiisto, Ĝenevo (Svis.).

KOMITATANOJ :

G-alo Sebert, membro de la Francuja Instituto, Parizo (Franc.). — F. Villareal, dekano de la Scienca Fakultato, Universitato de Lima (Peru.). — H. Pellat, Prez. de la Franca Societo de Fiziko, Parizo (Franc.). — J. Meazzini, geologiisto, Arezzo (Ital.). — Fournier d'Albe, membro de la Reĝa Dublina Societo, Dublin (Irlando). — R. Codorniu, ĉefinĝeniero de arbaroj, Murcia (Hispan.). — D-ro K. Bein, okulisto, Varsovio (Pol.). — D-ro K. B. R. Aars, membro de la Norvega akademio de Sciencoj, Kristiania (Norveg.). — D-ro Kroita, profesoro ĉe la Universitato de Tokio (Japan.). — D-ro E. Fraga, prez. de la Ĉila Esperantista Societo, Santiago (Ĉil.) — D-ro W. Köppen, Hamburg (German.). — Prof. Ad. Schmidt, estro de la R. Magneta Observejo, Potsdam (German.). — D-ro Richard Legge, Mikleover (Derby) (Angl.).

## EKSTRAKTOJ EL REGULARO

§ 1. — Sub la titolo *Internacia Scienca Asocio Esperantista* estas fondita internacia asocio, kiu celas propagandi la internacian helplingvon Esperanto ĉe la scienculoj & faciligi ĝian uzadon per ĉiu manieroj.

§ 2. — Povas aniĝi la Asocion ĉiuj personoj, societoj aŭ sciencaj revuoj, kiuj sin enskribos en la nomaron de la Asocio kiel aliĝantoj al la Deklaracio akceptita en Ĝenevo la 31an de Aŭgusto 1906. (Vidu ĉi sube).

Ilia aniĝo definitiviĝas, nur post kiam ĝi estas akceptita de la Estraro de la Asocio.

§ 3. — La aliĝintaj societoj aŭ revuoj povos esti reprezentataj de siaj prezidantoj aŭ direktoroj aŭ de speciale rajtigitaj delegitoj.

§ 4. — La Asocianoj estas dividataj laŭ 3 kategorioj, nome : honoraj anoj, aktivaj anoj, & neaktivaj anoj.

§ 5. — La *honoraj anoj* estas elektitaj inter la personoj, kiuj faris gravajn servojn por la afero de lingvo internacia.

§ 6. — La *aktivaj anoj* pagas jaran kotizon da almenaŭ 2 ₷ & havas la rajton voĉdoni pri ĉiuj demandoj. Nur ili estas elekteblaj por la postenoj administraj.

§ 7. — La *neaktivaj anoj* pagas nenian kotizon. Ili havas la rajton voĉdoni nur pri demandoj, kiuj ne koncernas la administradon de la Asocio.

§ 8. — Ĉiuj aktivaj anoj, kontraŭ la pago de speciale rabatita abono (2 ₷ anstataŭ 2,75 ₷), povas ricevi la oficialan organon de la Asocio : « Internacia Scienca Revuo ».

§ 15. — La administra laboro estas komisiita al *Internacia Scienca Oficejo,* kiu zorgas pri la korespondado, plenumigas la laborojn & decidojn de la Asocio & konservas la arĥivojn.

§ 16. — La direktado de tiu Oficejo estas komisiita al la Ĝenerala Sekretario, kiu, kun la aprobo de la Administra Komitato, povas aldoni al si unu aŭ pli ol unu konsilajn komitatojn elektotajn inter a Asocianoj.

---

## Deklaro.

*(voĉdonita dum la dua Universala Kongreso de Esperanto, Ĝenevo, 1906).*

« La subskribintoj, scienculoj, sciencistoj aŭ sciencamantoj opiniante, ke la enkonduko de la konstanta uzado de la lingvo internacia Esperanto en la Scienco multege utilus por faciligi la interrilatojn de scienculoj diversnaciaj & ankaŭ la legadon de la Sciencaj gazetoj, esprimas la deziron, ke :

1e La scienculoj konstante uzu la lingvon Esperanto dum siaj kongresoj.

2e La gravaj internacie disvastigitaj sciencaj gazetoj akceptu artikolojn redaktitajn en Esperanto & plie aldonu, al ĉiu artikolo redaktita en nacia lingvo, resumon en Esperanto montrantan ĝian enhavon.

La subskribintoj promesas helpi, ĉiu laŭ siaj fortoj, al la efektivigo de tiuj deziroj.

Ili permesas al ĉiu ajn publikigi tiun de ili subskribitan decidon. »

---

Presejo : Alb. Kündig, 4, rue du Vieux-Collège, Ĝenevo.